# LA GAZETO

## ENHAVO



**SAT NE KONGRESOS EN POLLANDO EN 1987. CLAUDE GACOND PREZIDAS EN SVISA ESPERANTO-SOCIETO • ANDRE ALBAULT PRELEGOS EN HOMBURG/D/ JE 6-8JUN86.**

Numero 4. 1MAJ86

L A   G A Z E T O

sessemajna kleriga periodaĵo de la
MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ
por disvolvigo de la esperantista kulturo

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Grafikisto
Daniel Nonnenmacher

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Pascal Block

Adreso de la redakcio
kaj administracio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

**Abonoj ĉe**
**CLUB D'ESPERANTO DE METZ,**
**MCL, 36 rue St-Marcel**
**F-57000 METZ**
**poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY**

Jarabono
6 sinsekvaj numeroj : 12 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
iam ajn

LA GAZETO
ne aperas dumsomere

Anoncoj
1/4 da paĝo = 40 ekuoj

Recenzoj
bonvolu sendi po du ekzem-
plerojn de la recenzotaĵoj
al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ
ARTIKOLOJ
LA GAZETO NE RESPONDECAS

*ABONPREZOJ LAŬ LANDOJ*

*Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi* **poŝtmandaton** *bonvolu skribi al LA GAZETO, ni sendos al vi fakturon, kaj klarigos al vi kiel oni povas aboni el via lando (eĉ se ne paĝipova). Por ke vi havu ideon pri la abonkotizoj, jen la proksimuma prezo de unujara abono, en via nacia mono :*
** Alĝerio = 54.7DZs * Aŭstrio = 179As * Belgio = 530Bs * Britio = 7.6GB * Bulgario =11BGs * Danio = 95DKs * Finlando = 58SFs * Francio = 82Fs * FR Germanio = 26Ds * Grekio = 1600GRs * Hispanio = 1630Es * Hungario = 535Hs * Israelo = 16.85ILs * Islando = 4761Ss * Italio = 17700Is * Japanio = 2000Js * Jugoslavio = 3900YUs * Kanado = 16CDNs * Luksemburgio = 530Ls * Maroko = 105MAs * Norvegio = 80Ns * Nederlando = 29NLs * Pollando = 1900PLs * Portugalio = 1700Ps * Sovetio = 8SUs * Svedio = 82Ss * Svisio = 21CHs * Togo = 4100TGs * Tunezio = 8TNs * Turkio = 7770TRs * Usono = 11.2USAs*

*PERANTOJ*

**Aŭstrio :** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845*
**Britio :** *Geofrey KING, 228 Capworth Street, GB-London E10 7HL — Poŝtkonto : 37.507.9106*
**Danio :** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95*
**Francio :** *CLUB D'ESPERANTO DE METZ, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Poŝtkonto : 762 79 P Nancy*
**F.R. Germanio :** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günte — Konto nº 31 377 450 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485)*
**Hispanio :** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35.*
**Italio :** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli*
**Luksemburgio, Belgio :** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49.*
**Svedio :** *Gösta PERSSON, Buntmarkaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3.*
**Svisio :** *Kultura Centro Esperantista, Postiers 27, CH-2301 La Chaux-de-Fonds. — Poŝtkonto : 23-2921*

Directeur de la pubication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# POR AŬ PER

Post iom da vivo en Esperantio[1], ĉiu povas konstati, ke longdaŭraj malamikecoj ekiĝas inter la plej bonaj esperantistoj pro kaŭzoj kiuj ŝajnas bagatelaj al iu ekstera observanto. Estas ja nekredeble, ke normala homo malamikiĝu kun antaŭa amiko pro malsama opinio pri la uzado de la participoj, pri la maniero propagandi Esperanton, pri la rolo de Esperanto en sia vivo. Tamen ĉi tio jam okazis kaj novdenove okazadas kaj tiel pruvadas, ke Esperanto ne estas nur la Internacia Lingvo, sed ankaŭ aro de interplektaj idealoj kunfuzaj, kiuj ne kuntaŭgas kun ĉiuj politikaj aŭ religiaj idealoj jam ekzistantaj en la mondo. Esperanto havas, vole-nevole, siajn religiajn kaj politikajn flankojn, kiujn ni ofte volus misfide forkaŝi, por eviti konfliktojn kun aliuloj. La struto en la dezerto, kiam ĝi ne kapablas kaŝi sian grandan korpon, ŝovas sian kapon subsablen – almenaŭ oni kredas tion – kaj esperas, ke detiam neniu vidos ĝin. Ni emus same agadi : se ni ofte diradas, ke Esperanto estas nur lingvo, simpla komunikilo simila al telefono, ni esperas, ke niaj malamikoj ne plu vidos ĝiajn ideologiajn flankojn kaj ne plu batalos kontraŭ nin. Nek la struto eskapos sian faton, nek ni!

Se oni agadas por Esperanto, oni devas diri kial oni volas, ke lingvo pli facila ol la naciaj lingvoj ekzistu. Endos elmeti valorojn, diri almenaŭ, ke ni preferas mondon, kie simplaj homoj povas interkompreniĝi ekster la nacilingvaj limoj. Sed tiam ni ne plu agitados por lingvo, sed jam por idealo kosmopolitisma kaj demokratia, ĉar kiun utilon havas la rekta interkompreniĝo inter homoj? Tiun de la ebleco trovi samfatanojn en alireligiaj, aliideologiaj sferoj kaj rekte informiĝi pri ilia vivo. Rapide aperos la „risko" de la kritikado de la oficialaj dogmoj, de la endubigo de la hejmecaj Kredoj. Ni supozu ekzemple, ke pola, turka kaj svisa laboristoj renkontiĝas (kial ne?) ĉe la Nigra Maro, sur kampadejo. Ili diskutos pri la salajroj, la longeco de la ferioj, la sindikataj rajtoj, kaj tiel plu, en siaj landoj. Ĉu ili povos plu kredi, ke en la liberalismaj landoj la laboristoj havas malpli da rajtoj, gajnas malpli da mono, havas malpli longajn feriojn? Ĉu ili povos plu kredi, ke en la tiel nomataj komunismaj landoj la membroj de la Partio rajtas torturadi, humiligi, mortpafi iun ajn, iam ajn,



*Claude Gacond kaj Eugène de Zilah*

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

ie ajn? Verŝajne ne. Tio tamen signifas, ke, volante Esperanton, ni ankaŭ volas ĉi tiun fidoperdon pri sia ĉiutaga hejmeca propagando. Sed propagando ne fariĝas sencele. Se oni malhelpas propagandon, oni iomgrade ankaŭ malhelpas tion, kion celas tiu propagando. Ni do ne plu laboras por Esperanto, sed kontraŭ idealon, aŭ almenaŭ metodojn, rimedojn de politika aŭ religia grupo. Se tio kion mi ĵus diris veras, kiom pli veros la konkludoj, kiujn ni povas tiri el la aliaj argumentoj de la kutima poresperanta agitado? Ekzemple se ni diras, ke Esperanto necesas por ke la homa rajto, de ĉiuj landoj akceptita, laŭ kiu ĉiu rajtas forlasi sian patrujon kaj tien reveni[2], fariĝu vivata realaĵo, tio estas, ke la celo de Esperanto estas la solidariga rolo de kulturo tutmonda, kiu permesas al ĉiuj Esperantistoj trovi kulturajn kaj solidarecajn helpojn ĉie en la mondo, do se necesas, pli facile adaptiĝi al alia kulturo; tiam ankoraŭ pli klare evidentiĝos, ke labori por Esperanto, estas labori por humaneca internaciismo, tio estas kontraŭ naciismojn kaj ŝtatismojn. La kapo de esperantisto estas bone kaŝita en la sablo de gramatikumado, sed lia politikumanta postaĵo videblas al ĉiuj. Li povas perfidi sian idealon kaj gliti en abismojn de submetiĝo kaj humiliĝo, kiel en Germanio en 1935.[3] aŭ en Pollando en 1985.[4], oni tamen persekutos lin.
Tamen li povas pensi, ke li ĉirkaŭiros la fortikaĵojn de niaj ŝtatismaj malamikoj, se li ne plu parolas pri la ideala enhavo de Esperanto, pri la „interna ideo"[5], pri la solidariga rolo de Esperanto, kaj pri la ceteraj valoroj de Esperanto. Sufiĉas uzi Esperanton, kvazaŭ ĝi estus simpla ilo moderna, iu tradukmaŝino pli simpla kaj pli efika ol la aliaj, por ke la homoj ĝin vidu funkciadi, kaj tiam ili konvinkiĝos, ellernos la lingvon pro pure egoismaj kialoj, kaj uzante ĝin ili konvinkiĝos pri la valoro de la esperantismo. Sed se ni pristudos ĉi tipan uzadon de Esperanto, ni vidos, ke ĝi provokos ŝtatisman reagon eĉ pli fortan ol la poresperanta propagando. Ne labori por Esperanto, sed **per Esperanto**, estas pli danĝera por la ŝtatoj, ĉar tiel ne nur simplaj naivaj homoj eskapas iliajn kontrolmastradojn, sed la elitaro povos elekstere prijuĝadi ilin, eldonigi siajn eseojn, artikolojn kaj librojn, kiuj ne devige kuntaŭgos kun la oficiala ŝtata propagando. La informoj, kiujn interŝanĝadas sciencistoj, artistoj, filozofoj, inĝenieroj, kaj aliaj elituloj, ne plu povas esti kontrolataj de tradukistaj ŝtatfunkciuloj, kaj povas esti danĝeraj al interesoj de ŝtatoj. Pro tio la ŝtatoj devas zorge kontrolestri la renkontorajtojn de nia elitularo. Pro tio la Esperantistaro de iu lando devos grupiĝi en landaj asocioj, kiuj povos esti samtempe iom helpataj kaj ege kontrolmastrataj de la ŝtatoj. Pro tio oni batalos kontraŭ ĉiujn grupfederaciajn ideojn. La landaj asocioj estas la enirpunktoj de la ŝtatismoj naciismaj aŭ ideologiaj en Esperantion. Pro tio la laboro, kiu teorie estas simple **peresperanta**, praktike estas eble pli poresperanta ol la naiva varbada agado kaj eble ĝi pli celas la duan jarcenton de Esperanto, ol la simpla bonkoreca instigado al paca kunekzistado de popoloj. **LG** provos plej bone informi vin ankaŭ pri ĉi tiuj peresperantaj aktivadoj.

*Eugène de Zilah*

*1) ĉi tiu vorto „Esperantio" mem jam kaŭzis malpaciĝon inter Esperantistoj, ĉar estas inter ili, kiuj ne volas, ke ni ĝin uzu, preferante „Esperantujo"-n aŭ „Esperant(lingv)a Kultura Komunaĵo"-n. Se ni tamen kuraĝas skribi „Esperantio"-n, estas ĉefe pro ties mallongeco. Aldone oni ne tro bone scias, kio estas ĉi tiu ligilaro, kiu nin estas interliganta : ĝi ŝajnas al ni esti „IO" Esperanta.*

*2) „Ĉiu homo rajtas forlasi ĉiun landon, inkluzive la sian, kaj reveni en sian landon." Art. 13/2,* ***Universala Deklaro pri Homaj Rajtoj,*** *proklamita de la Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj, la 10-an de decembro 1948.*

*3) En 1935. Germana Esperanto-Asocio elpelis siajn judajn membrojn, kaj donis al si la taskon : „plifirmigi la germannacian konscion". Ĝi tamen estis likvidita en 1936. (vidu : Esperanto en Perspektivo, paĝo 703. kaj sekvaj).*

*4) vidu LG n-ro 3 : „Kaj Rapide Kreskas la Afero" de Walter Zelazny, paĝo 5-7.*

*5) vidu arĥivkasedon de la 11-a I.K. de ICNEM . Eugène de Zilah : „Interna ideo kaj humaneca internaciismo".*

# ETEROJ

*S-ro Heinz Dieter Maas, (D)*

*... mi volas danki al vi pro la bela raporto, kiun vi faris pri mia prelego kaj niaj diskutoj pri la Bahaa religio okaze de la Esperantaj Vintroferioj. Tamen mi ŝatus ion aldoni cele al precizigo, kaj pro tio mi verkis malgrandan leteron de leganto, kiun vi bonvolu konsideri por publikigo en LG.*

*Miaopinie la raporto pri mia prelego pri la Bahaa religio, aperinta en la n-ro 3 de LG, bezonas kelkajn precizigojn. Unu el la bazaj principoj estas la unueco de la homaro kaj la enkonduko de la universala lingvo. Tio tamen ne signifas, ke ni Bahaanoj aŭ la reprezentantoj de la Bahaa religio jam decidos, kiu estos tiu ĉi lingvo. Laŭ Baha'u'llah tio estas la tasko de la registaroj. Baha'u'llah, Abdu'l-Baha kaj Shoghi Effendi konis Esperanton, sed ne parolis ĝin. Abdu'l-Baha plurfoje prelegis antaŭ Esperantistoj kaj instigis ilin daŭrigi la evoluigon kaj disvastigon de la lingvo. Kiam li priskribis la karakterizajn trajtojn de tiu universala lingvo de la estonteco, li indikis precize, kio jam ekzistas en Esperanto. Kio verŝajne estas nekonata inter Esperantistoj : Ankaŭ Zamenhof konis la Bahaan Kredon. En The Christian Commonwealth de la 3-a de septembro 1913. aperis la sekvanta eldiro de Zamenhof :*

> *Mi sentas grandan interesiĝon por la Bahaa Kredo, ĉar ĝi estas unu el la grandaj tutmondaj movadoj, kiu same kiel la nia, insistas pri la frateco de la homaro kaj alvokas la homojn al interkompreniĝo kaj reciproka amo. La Bahaanoj komprenos la Internan Ideon de Esperanto pli bone, ol la plej multaj homoj.*

*Ke Esperanto ne estas pli disvastiĝanta inter Bahaanoj kaj ke la angla lingvo ludas relative grandan rolon, ne ŝuldiĝas al kontraŭ-Esperanta aŭ por-angla Bahaa politiko aŭ konscia altrudo de la angla, sed al nesufiĉa informiteco pri la graveco de Esperanto. Tie mi vidas elstaran taskon por la Esperantistoj!*

**LG** : Dankon pro viaj precizigoj. Ni ĉiam klopodas peri al niaj legantoj la plej fideblajn informojn, sed ni ne povas sukcesi sen la helpo de veraj konantoj de niaj fontoj.

*S-ino Betty Larsen, (DK)*

*... koncerne la demandojn de LG en n-ro 3-a, rigardu la ĉemetitajn kopiojn /.../*

**LG** : Dankon pro la sendo de la fontoj de via timo, ke Usonaj kaj aliancanaj militistoj uzus Esperanton por siaj celoj. Fakte la artikolo je 7DEC86, en la angla kaj la irana lingvoj, de KAYHAN INTERNATIONAL, kies titolo „New Programing 'Esperanto' To Open Up Major Markets" estas trompa, ne devas timigi vin. Male, ĝi povas ĝojigi niajn amikojn el KOMPRO (Komputila Rondo), ĉar la artikolo priskribas novan komputilan program-lingvaĵon ADA, kiu, laŭ la ĵurnalisto irana, estus al la ĉirkaŭ 300 uzataj komputil-lingvaĵoj, kiel Esperanto estas al la etnolingvoj. Ĉi tiu lingvaĵo estus „transportebla", tio estas uzebla en diverstipaj komputiloj sen antaŭa reskribado, ĝi estus pli rapida ol la aliaj kaj ne plu devigus „sintakso-testadon" antaŭ la ekfunkciigo de la skribita programo. Oni vere finlaboris ĝin dank'al mono de la „Pentagono" (Usona armeministrejo), sed la kontrolinda aserto de la irana ĵurnalisto, ke „la 'transportebleco' igas ĝin kuntaŭga kun la universala artefarita lingvaĵo Esperanto", ne signifas, ke la Pentagono uzadas Esperanton por siaj propagandaj kaj militistaj celoj. Ĉiumaniere dankon pro viaj utilaj informoj el ĉi tiu irana fonto, kaj mi petas vin sendi al ni ĉiam, kiam vi trovos novajn.

# LETEROJ

***Mag. P.H. van Terwisga, (NL)***

*...vi trovos leteron de mi al s-ro G. Berveling; mi esperas ke vi konsentos enpresi ĝin en LG-n.*

*Vlieland 28-03-86.*

*Letero al s-ro pastoro*
*Gerrit Berveling*

*Kara amiko! Mi legis vian leteron en la ĵus-aperinta n-ro de LG. Certe, kompreneble ne ĉiu komunisto estas malbona persono, nefidinda, same kiel ne ĉiu Kristano aŭ Islamano ktp estas sanktulo! Sed, kion diri pri ekzemple naziano, faŝistoj, ... ktp?*

*Tamen, por plueniri pri la komunistoj : ne ĉiuj enloĝantoj de la USSR aŭ de la de ĝi superregataj "aliancaj" landoj estas devigataj membroj de la komunisma partio en iliaj landoj; eble eĉ nur 10%, ĉu ne? La membreco do estas pli malpli libervola... kiu certe estas unu el la tre malmultaj liberecoj, kiuj la loĝantaro disponas pri! Ili do konsideru klare, ĉu ili jese aŭ nee apogos la tutan sistemon, inkluzive la devigilojn de la ne-libera, ne-demokrata, sed diktatoria ŝtato! La partianoj do minimume estas suspektaj kaj ili certe kunrespondecas pri la "gulag-arĥipelago" kaj pri la "flegado" de politike malsamkredantoj en psikiatraj klinikoj! Tute same kiel iam la nazioj pri la koncentrejoj kaj neniigejoj, en Norvegio la "Quislings" (Kvislingoj) kaj en nia lando la NSB-anoj (kompreneble mi ne celas al la povraj blinduloj en nia NSB). Certe vi estas multe pli juna ol mi, sed ĉu vi vere ne plu rememoras tiun tempon? Kredu min : la diferenco inter la du diktatoriaj sistemoj estas nur ŝajna, do : absolute neglektenda!*

*amike kaj elkore salutante, via*
*P. H. van Tervisga*

**LG :** Ni volonte publikigas "apertajn" leterojn, kiuj invitas la esperantistojn enmiksiĝi en la diskutadon, sed ĉi tiuj leteroj neniam estu kontraŭpersonaj atakoj aŭ provoj malhonorigi ajnan homon. Via ĝentila letero estas bona ekzemplo de leteroj, kiujn ni ŝatas publikigi. Dankon!

***S-ro D.B. Jesudasan, (CL = Sri-Lanko)***

*Mi elkore dankas vin pro la alsendo de via nova gazeto al nia centro. Kun multe da plezuro kaj profito, mi tralegis la tri unuajn numerojn de LG, kaj mi sincere opinias, ke vi vere sukcesis krei, en la limigita amplekso de 24 paĝoj, bonplanitan klerigan periodaĵon kun legindaj enhavoj utilaj al la instruistoj kaj la lernantoj de Esperanto.*

*La pluekzisto de nia lingvo dependas, ne de la grandnombraj duonbakitaj komencantoj-esperantistoj sed de la lingve kapablaj kleraj esperantistoj precipe junaj. Estas ĝojige, ke LG celas fari ion tiurilate kaj ni esperu, multe da gesamideanoj baldaŭ apogos vin en via paŝo, kiu certe estas paŝo en la ĝusta direkto.*

*Mi deziras al vi grandan sukceson en via nobla laboro!*

**LG :** Dankon! Ĉu do oni devas loĝi 20.000 km de Eŭropo por perfekte kompreni tion, kion ni klopodas fari? Aŭ la agradioj de la ĵaluzo, de la etanimeco, de la malamikeco de malplenaj mezaĉuloj ne efikas pli foren, ol kelkaj kilometroj?

***S-ino Pascale Kopecz, (F)***

*... ĉu vi kredas, ke viaj mallongigoj : UEA, SAT, ICNEM, HEA ktp estas kompreneblaj al junaj aŭ komencantaj Esperantistoj...?*

**LG :** Dankon pro la atentigo. De nun ni klopodos enmeti en ĉiujn artikolojn, almenaŭ unufoje, la signifaĵojn de la tie uzataj mallongigoj.

## SOLVOJ EL LG-3

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| **1** | H | E | K | S | A | M | E | T | R | O |
| **2** | O | R | E | A | D | O | ■ | E | O | N |
| **3** | M | I | R | T | E | L | O | ■ | N | T |
| **4** | A | Z | O | ■ | N | A | R | A | K | O |
| **5** | R | I | S | T | O | R | N | O | ■ | G |
| **6** | A | M | E | ■ | P | ■ | A | T | R | E |
| **7** | N | A | N | ■ | A | K | T | ■ | O | N |
| **8** | I | ■ | O | R | T | A | ■ | A | T | E |
| **9** | S | F | ■ | S | I | R | ■ | L | O | Z |
| **10** | M | A | K | R | O | M | E | T | R | A |

### SOLVO DE LA ŜAKPROBLEMO „ŜPB-3"

La kuriero, daŭre mastrante la peonon sur F7, malproksimiĝas (kD5-A2). Nur la nigra peono sur G3 povas moviĝi, ĝi malfermas la vojon al la turo sur H3. — La turo ekranigas la kurieron (tH3-B3), kaj devigas la peonon sur F7 malfermi la vojon al sia reĝo (pF7-F6). La blanka turo ekmastras la 8-an linion kaj permesas al la kuriero sur A2 lanĉi la mortigan atakon (tB3-B8). Ŝako kaj mato!

# MOVADAJ NOVAĴOJ

**SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA NE RAJTOS KONGRESI EN POLLANDO DUM LA JUBILEA JARO.** „La Pola Esperanto-Asocio diris NE! Laboristaj Esperantistoj ne povos kongresi en la lando de Zamenhof" – titolas tutlarĝe la aprila n-ro de SENNACIULO, la oficiala organo de SAT. Sur la du centraj paĝoj de la kajero videblas kopioj de tri leteroj. La unua letero sendita de la Pola Esperanto-Asocio (PEA), je 27JUL83, invitas SAT-n. Ni trovas ene la frazon : „Bonvolu trakti ĉi tiun leteron kiel inviton por organizi Vian Kongreson en la Jubilea Jaro en Pollando". Ĝi estas subskribita de la Prezidanto de PEA : d-ro Jerzy Leyk, kaj de la Vicprezidanto Stanisław Swistak, Prezidanto de la Komitato por la Centjaro de Esperanto en Pollando. La dua letero je 17OKT85, sendita de SAT al PEA petas konfirmon de la firma invito, kvazaŭ estus dubo, ke io malhonesta prepariĝas. – „...negativa respondo donos gravan baton ne nur al ni, sed ankaŭ al la tuta esperanto-movado" – substrekas la letero de la Plenum-Komitato de SAT (tie estas : Y. Peyraut, M. Hardy, K. Barkovic, G. Lieblang, F. Chardon kaj G. Cavalier). La tria letero donas, tute kviete, la „gravan baton" : „Estimataj, respondante vian leteron de 17-a de oktobro 1985 la gvidantaro de Pola Esperanto-Asocio kun bedaŭro informas, ke nian provizoran inviton organizi vian Kongreson en Pollando en la 1987. jaro ni ne plu subtenas. Ni




esperas, ke vi trovos alian organizonton de via Kongreso dum la Jubilea Jaro". Sekvas laŭ la plej kruda maniero, tio estas sen ĝentileca salutfrazo, du subskriboj. Tiu de la komisaro postenigita de la pola polico (bonvolu vidi en LG n-ro 3, la paĝojn 5-an, 6-an kaj 7-an) : W. Wesolowski, kiu subskribas kvazaŭ li estus la prezidanto de PEA. Li, se arĥivoj ne ekzistas en PEA eble povus kredi, ke en 1983-a temis pri **„provizora invito"** sed certe ne la alia subskribinto, S. Swistak, kiu, se vi kapablas memori lian nomon, estis jam subskribinto de la unua letero, en kiu SAT estis definitive invitita por organizi sian Jubilean Kongreson en Polio. Ni memoru, ke PEA estas landa asocio de granda Esperanto-organizaĵo : UEA, kiu ne volas konfesi, ke ĝi estas komplete senpova kontraŭ influojn de sovetiismo. Alimaniere jam delonge la nun mallegala PEA estus elpelita el UEA kaj neniu honesta Esperantisto apogus la diktaturojn, organizante jubileajn kongresojn en la nuna Polio.

**27-a KULTURA SEMAJNFINO EN HOMBURGO/SAAR (D), 6-8JUN86.** La altnivela kaj riĉa aranĝo okazos en la kutimaj belaj ejoj de Kardinal-Wendel-Haus. Por Esperanto-parolantoj : prelegserio pri la temo : „La Fundamento de Esperanto". Prelegos **d-ro André Albault**, prezidanto de la Akademio de Esperanto. Kunportenda aŭ surloke aĉetenda libro „Fundamento de Esperanto" (Zamenhof). Tiuj, kiuj volas pliprofundigi siajn lingvajn konojn, tion faros gvidataj de **s-ro Kreŝimir Barkoviĉ**, ĉefredaktoro de SENNACIULO, membro de la Plenum-Komitato de SAT, kiu uzos, kiel legolibron „Fabloj"-n de Lessing. La apartan porinfanan programon prizorgos la ĉarma **Takajo Walz**. La programo enhavas : konversaciajn vesperojn en agrabla kaj libera etoso en la belaj „Kamparana Ĉambro" kaj „Kamen-ĉambro", viziton de la klostro-ruino WÖRSCHWEILER kaj katolikan di-servon celebrotan en Esperanto de **p-ro Bernhard Eichkorn**. La aliĝkotizo estas 15Ds (=6.95EKs), la pensio kompleta, en unu, du aŭ trilita ĉambro, por unu tago, kostos ĉ. 45Ds (=20.85EKs). Tiuj, kiuj ne povas alveni la vendredon, la 6-an de junio, ĉar laboradas ĉiusabate ĝis tagmezo, maltrafos la vendredan konversacian vesperon kaj sabate, la antaŭtagmezan viziton de la klostro-ruino. La nepre trafendaj lecionoj de d-ro Albault kaj s-ro Barkoviĉ komencos je la dua kaj duono (14h30'), sabaton posttagmeze. Por tiuj la tuta aranĝo kostos entute nur ĉ. 28EKs. **LG** raportos pri ĉi tiu aranĝo, samkiel ĝi faris pri la antaŭa en sia 2-a numero.

**24-a Somera Esperanto-Universitato** en Gyula (H), 27JUN/4JUL86. Kooperativa Sekcio : kunsido je 2JUL86, partoprenkotizo : 100Hs (ĉ. 2,5EKs). Pedagogia-metodika Sekcio : unusemajna. Medicina Sekcio : tritaga. Partoprenkotizoj : inter 1.990Hs kaj 4.200Hs (ĉ. 50EKs - 105EKs), laŭ komforto-postuloj.

**LA 59-a KONGRESO DE SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA** (SAT) en **SAN-CUGAT-DEL-VALLES (E)** okazos de 2AŬG86 ĝis 9AŬG86. Organiza kongresa komitato : Ramon Manau Torres, Giordano Moya Escayola, Vicente Hernandez Llusera.

Kongreskotizoj : ĉirkaŭ 55EKs por neSATanoj, 22EKs por junuloj, neSATanoj, 40EKs por SATanoj kaj 18 EKs por junuloj SATanoj. Inter la kongresaj programeroj estos vizitoj al la Paleontologia Muzeo de Sabadell kaj la Teksa Muzeo de Terassa. En Katalunio restoracioj kaj hoteloj estas inter la malplej kostaj en la Eŭropa Komunaĵo, la vidindaĵoj inter la plej valoraj. La SAT-kongreso en SAN-CUGAT povus facile esti vizitata de Esperantistoj revenontaj el Ateno, post la 12-a Internacia Konferenco de ICNEM. Se vi deziras partopreni bonvolu skribi al : **S-ro Giordano Moya, str. Balmes n° 38, Terassa /Barcelono/, (Hispanio).**

**71-a UNIVERSALA KONGRESO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.** 26JUL/2AŬG86 en Pekino (TJ). Konstanta adreso : Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam (NL). Aliĝkotizo : ĉ. 92EKs (77EKs por membroj). Antaŭvideblaj elspezoj por Eŭropanoj ĉ. 3.000EKs kun postkongresaj aranĝoj. Sed ne ĉiuj kiuj volas elspezos tiom, ĉar ni legas sur la 19-a paĝo de la dua UK-bulteno, en la „Kongresa regularo", ke :

**La Estraro de UEA post konsiliĝo kun LKK** ( = Loka Kongresa Komitato) **havas la rajton rifuzi la partoprenon en la Universala Kongreso de kiu ajn persono, sen la devo doni al la aliĝinto motivon por tio.**

Ni vetos, ke denove kelkaj homoj parolos pri **„sovetiismo"** en ĉi tiu estimata asocio, kiu sin diras „universala", sed ne volas ekspliki al ni kiel kongreso povas esti „universala" se oni rajtas rifuzi la partoprenon al Esperantistoj. Krom ĉi tiuj konstatoj la dua bulteno estas luksa kaj ĝi bonege kaj longege klarigas tion, kion rajtas fari tiu, kiu ĉeestos la Pekinan Kongreson. Resume en Pekino oni rajtas fari ĉion, kio estas oficiale permesita. Trastudu zorge ĉiujn dokumentojn, kiujn vi ricevas de la organizanto de via vojaĝo!

**SVISA RADIO INTERNACIA FESTAS SIAN 50-JARIĜON.** Ni memurigu, ke la Esperanto-programoj okazadas lunde, ĵaŭde kaj sabate je la 18h30' laŭ la mezeŭropa tempo, (je 19h30' en D kaj F) sur ondoj 75,28m (3985MHz), 48,60m (6165MHz) kaj 31,46m (9535MHz). S-ro Claude Gacond kun la apogo de s-ino A. Gacond animigas la Esperanto-programojn, kiuj estas bonege aŭdeblaj en ĉiuj landoj de la Eŭropa Komunaĵo.

**CLAUDE GACOND, PREZIDANTO DE SVISA ESPERANTO-SOCIETO.** La ĝenerala kunveno de Svisa Esperanto-Societo (SES) elektis novan prezidanton la 1-an de marto 1986-a; de tiam sinjoro Claude Gacond gvidas la laborojn de SES. Pluraj artikoloj de **LG** parolas pri Claude Gacond kaj liaj realigintaĵoj kaj ili ne povos ĉion eldiri. La nova prezidanto de SES estas unu el la malgranda grupo de homoj, kiuj vere pligrandigis la bonfamon de Esperanto. Li daŭrigis la laboron de Edmond Privat, kies amiko kaj kunlaboranto li estis; en la svisa urbo La Chaux-de-Fonds (La-Ŝodfono), li kreis la Kulturan Centron Esperantistan (KCE), kiu, kun sep trietaĝaj domoj kaj tuta departamento de la urba biblioteko (CDELI) estas la plej granda Esperantista Centro en la nuna mondo, kies famo atingis preskaŭ ĉiujn eŭropajn esperantistojn, kiuj nomas ĝin, en ĉiutaga babilado, simple : **„LA-ŜODFONO"**; li animigas kaj programadas la elsendaĵojn en Esperanto de Svisa Radio Internacia; li estas kreanta la **Internacian Ferian Altlernejon** (IFA); li neniam haltas, neniam ekripozas, neniam forlasas la neŭtralecajn principojn. Ni ĝoje gratulas al SES, ke tia Esperantisto akceptis ĝian prezidantecon!

## KONFERENCO DE N.E.M. EN ATENO



La 12-a Internacia Konferenco de la Neŭtrala Esperanto-Movado okazos en Ateno, la ĉefurbo de la Eŭropa civilizacio, de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 1986. La ĉeftemo estas :„Paco kaj Libereco". Kompetentaj lekciistoj pritraktos ĝin el filozofia, etika, historia, politika, ekologia kaj jura vidpunktoj. Okazos ankaŭ ĉefkunvenoj de Internacia Centro de la Neŭtrala Esperanto-Movado, Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj, Filozofia Asocio Tutmonda, la 2-a Internacia Forumo de la Monda Federacio de Kulturaj Asocioj, verŝajne aliaj kunvenoj kaj debatoj. Krome : interkona vespero, bankedo kun balo, vizitoj al vidindaĵoj de Ateno, tuttaga ekskurso al la regiono Korinto-Epidaŭro-Mikeno-Hefpliano, postkonferencaj ekskursoj. La konferencejo – la unuaranga Esperia Palachotelo – estas klimatizita.
Baza aliĝkotizo : 4800* drakmoj. Aliĝojn akceptas kaj ĉiujn pliajn informojn donas la Loka Kongresa Komitato je la konstanta adreso : Adamantia Sakellaropoulou, Aghias Paraskevis 30, Ateno-816, Grekio. *ĉ. 37 EKs.*

**„ESPERANTO" oficiala organo de „UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO"** (UEA) en sia marta numero publikigis la foton de la monumento „LA ESPERO", kiun la Esperantistaro starigos **en Graz** por solene memorigi la centjariĝon de Esperanto, dum la **JUBILEA INTERNACIA KONFERENCO, 18-25JUL1987**. Ĝi invitas Esperantistojn kontribui al la starigo de la skulptaĵo de Jesper Neergaard, sendante siajn donacojn al s-ro **Peter Zacho, Norregardsvej 91, DK-2610 RODOVRE,** (Danlando). Eĉ se la artikolo estas redaktita kvazaŭ la monumento estus nur persona iniciativo de prof. d-ro **IVO LAPENNA, prezidanto de la NEŬTRALA ESPERANTO MOVADO** (NEM), kaj kvazaŭ la monumento ne estus starigota dum la jubilea konferenco organizota de ĉi tiu movado kies membroj jam kunigis ĉirkaŭ la duonon de la necesa monsumo, la simpla fakto enmeti tian artikolon, konsiderante la utilon nur de Esperanto honorigas UEA-n kaj agrable surprizas nin. Ni simple aldonu (vidu **LG-n** n-ro O), ke en Aŭstrio vi povas sendi viajn donacojn al d-ro Klaus Perko, Lendkai 111, A-8020 GRAZ, en Francio, al s-ino Madeleine de Zilah, 39, rue J. Hénot, F-57070 METZ kaj en Britio al prof. d-ro Ivo Lapenna, 77 Grasmere Avenue, GB-WEMBLEY (Middlesex) HA9 8TF. Se vi volas informiĝi pri ĉi tiu gravega monumento vi povas skribi aŭ telefoni al la kvar cititaj homoj.



POR PACO EN LIBERECO - POR LIBERECO EN PACO

# INTERVJUO KUN CLAUDE GACOND

LG : – Ĉu mi kuraĝas, sinjoro Gacond, elmeti al vi la kutimajn demandojn pri via aĝo, naskiĝloko, infanaĝo kaj aliaj personaj informoj?
C.G. : – Mi naskiĝis la 20-an de aŭgusto 1931., do mi estos baldaŭ brokantaĵo, (ĉu ne?) ankoraŭ dek jarojn antaŭ mi emeritiĝos, mi naskiĝis en Neuchâtel...
LG : – ...tuj apude
C.G. : – Jes, kaj post studoj, kiujn faras instruisto, mi fariĝis instruisto en elementa lernejo en La Sagne, vilaĝo apud La Chaux-de-Fonds (La-Ŝodfono), kie mi laboris dum dudek jaroj, eble, kaj poste mi liberiĝis de mia instruista funkcio, por povi plenumi la Esperantan dum kelkaj jaroj komplete, kaj fondi la Kulturan Centron Esperantistan (KCE) kaj CDELI-n...
LG : – Kiam ĉi ĉio okazis?

## CENTRO DE DOKUMENTADO KAJ ESPLORO PRI LA LINGVO INTERNACIA

C.G. : – Mi liberiĝis en la jaro 1969. Ni fondis CDELI-n...
LG : – Kio estas la mallongigo de ...?
C.G. : – Centro de Dokumentado kaj Esploro pri Lingvo Internacia, ...en 1967.
LG : – CDELI do ne estas nur pri Esperanto?
C.G. : – Pri „planlingvoj". Oni povus diri : pri la fenomeno de Lingvo Internacia.
LG : – Ĉu CDELI estas parto de la biblioteko municipa de La-Ŝodfono?
C.G. : – Jes, ĝi estas integrita, ĝi estas fako de tiu ĉi biblioteko, kaj fako kiu multe kreskis, kie du bibliotekistoj laboradas triontempe. Du, ĉar tiel kiam unu el ili forestas, la alia povas tamen daŭrigi la laboron kaj konsiladi la vizitantojn. Du bibliotekistoj, kiuj triontempe laboras, estas pli utilaj ol unu tuttempa bibliotekisto. ...Do CDELI komencis funkcii en la 1967-a jaro, kaj la Kultura Centro Esperantista en 1968. Mi liberiĝis en 1969.
LG : – Do la komenco de KCE estis CDELI?
C.G. : – Ne, estas du malsimilaj aferoj, do mi devas eble iom rakonti : Edmond Privat, antaŭ sia morto en 1962., analizis kun ni la situacion de Esperanto kaj ĉefe kial Esperanto ĉiam stagnadas, kaj li demonstris al ni, ke ĉio kio sukcesis en lia aktivado estis tio, kio povis esti aŭ plene integrita en – ni diru – publikajn instituciojn, ekzemple la fako kurt-onda ĉe Svisa Radio Internacia, aŭ kio povis kreski interne de aliaj institucioj, kreski por povi fariĝi institucio de la ŝtatoj, sed la asocioj de la Esperanto-Movado ĝenerale ekkreskas kaj poste



*Claude Gacond, direktoro de KCE*

ne plu povas plenumi la laboron, kiu estas antaŭ ili, ĉar tiu laboro estas tro granda por la fortoj de homoj, kiuj nur hobie laboras. Kaj ke ankaŭ multaj homoj nekompetentaj okupas la gvidlokojn. Pro tio tiuj homoj timas perdi siajn postenojn en la Esperanto-Movado, do preferas, ke la societo stagnu ol ke ĝi disvolviĝu, ĉar se ĝi disvolviĝos kompetentuloj devos transpreni la funkciojn. Do li (Privat) konsilis al ni labori por ke en la Esperanto-Socio kreiĝu altlernejoj, kaj ni vere parolu pri la pluralo, do labori al unu el ili, sed sciante, ke se unu kreiĝas, kreiĝos aliaj. Sed tiuj altlernejoj povas esti nur absolute sendependaj, kiel universitatoj, tiel ili povos fariĝi la renkontiĝejoj de ĉiuj tendencoj, sed ili ne povas ligi sin al unu el ili. Do ili devus havi tiun absolutan neŭtralecon, konforman al la celo mem

de Esperanto, kaj ne integriĝi por ludi rolon cele al io alia, ol Esperanto mem. Kaj lia analizo montris, ke kreiĝos altlernejo nur se samtempe kreiĝas dokumentejo. Oni ne povas fari sciencan serĉadon sen baziĝi sur dokumentoj. Do Edmond Privat dum sia tuta vivo kolektis dokumentojn.
**LG :** – Ĉu do la kolekto de Edmond Privat estas la elirstoko de CDELI?
**C.G. :** – Ne, ĝi estas la stoko, kiu nun troviĝas en la Muzeo Edmond Privat, do en aparta fako. Je la morto de Edmond Privat, la vidvino donacis la heredaĵon, ŝi serĉis bibliotekon kaj la biblioteko de La-Ŝodfono decidis prizorgi tiun dokumentaron, kaj tiel kreiĝis en la biblioteko de La-Ŝodfono la, oni povas diri, „Muzeeto-Edmond-Privat". En la franca ni diras „le fonds Edmond Privat"). Tio estis antaŭ la kreo de CDELI.
**LG :** – Ĉu la vidvino ĉion donis : leterojn, librojn, meblojn...?
**C.G. :** – Ĉion, kion ŝi ne disdonadis ĵus post la morto de la edzo al profesoroj aŭ vizitantoj, kiuj venis, kaj al kiuj ŝi ofte afable diris : „servu vin!". Kelkajn tagojn poste ŝi ekkonsciiĝis pri la perdo, kaj unu el miaj laboroj estis venigi al unu biblioteko la restaĵon, kiu estis giganta.
**LG :** – Ĉu oni ne povis peti la homojn, kiuj ekhavis valorajn erojn de la heredaĵo de Edmond Privat, nu ne redoni ilin... , sed heredigi ilin al la „Muzeo Edmond Privat"?
**C.G. :** – Jes, estus bone ... tamen mi eĉ ne plu memoras kion ili ricevis. Ĉiumaniere la stoko venanta de Edmond Privat estas unu el la havaĵoj de CDELI, la alia estas la arĥivoj de Svisa Esperanto-Societo, kiuj ankaŭ venis al la biblioteko de La-Ŝodfono, kaj la arĥivaĵoj kaj biblioteko de la loka Esperanto-grupo. Tiuj estis la unua bazo kaj mi mem konscias jam delonge pri la neceso konservi dokumentojn, do mi kontaktis multajn pionirojn, el ĉiuj tendencoj, kaj fakte CDELI estas absolute neŭtrala rilate al la planlingvoj, do pro tiu neŭtraleco ĝi interesis la pionirojn, el ĉiuj tendencoj, kiuj subskribis tre ofte heredkonvenciojn, do ili igis la bibliotekon de La-Ŝodfono heredonto de ilia havaĵo kaj estas per kamionoj, ke ni iris serĉi ĉi tiujn donacojn, donitajn plej ofte dum sia vivo.
**LG :** – Ĉu vi povus doni al ni ideon pri la kiomo de la havaĵoj de CDELI?
**C.G. :** – Estas multaj tunoj ankoraŭ nekatalogitaj, ni havas statistikojn pri la jam katalogita materialo, bedaŭrinde estas pli da nekatalogitaj materialoj, ol katalogitaj. Niaj bibliotekistoj povos doni al vi precizajn informojn. Restas multo farota kaj ili laboras konstante-konstante pri tiu katalogo dum la dokumentoj alfluas kiel rivero.
**LG :** – Eble post ĉi tiu povos esti volontula laboro por staĝantoj...



*Claude Gacond montras librojn de CDELI*

**C. G. :** – Jes, ni havis staĝantoj en iu momento, kaj certe ni havos denove... /.../
**LG :** – Ĉu CDELI havas ankaŭ bibliotekon alireblan de ĉiuj?
**C.G. :** – Jes, kompreneble, la sliparo estas alirebla kiel en ĉiuj bibliotekoj, kaj poste la bibliotekistoj disponigas la librojn.
**LG :** – Ĉu la legonto rajtas elporti ilin hejmen?
**C.G. :** – Ĉi tio dependas : kiom da ekzempleroj ni havas el sama titolo. Po du librojn ni gardas en la arĥivoj, tiujn oni povas konsultadi surloke, se estas tria el la sama titolo, oni povas ĝin pruntepreni. Kaj el la revuoj ni havas nur po unu kolekton, ili neniam eliras el la biblioteko, nur sub formo de fotokopioj.
**LG :** – Ĉu la legsalono estas la komuna legsalono de la municipa biblioteko?
**C.G. :** – Jes.

**LG** : – Ĉu pri CDELI ni ĉion diris?
C.G. : – Nu oni povus diri multon. Ni provu diri tion ankoraŭ, ke ni konservas librojn, revuojn, broŝurojn, esperantaĵojn, leterojn... (nu, la leteroj estas tre gravaj, oni neniam sufiĉe konservos ĉi tiujn dokumentojn. La leteroj klarigas la eventojn)... kaj tiun materialon prizorgas fakuloj pri biblioteko.
CDELI fariĝas nun la monda bibliografia centro pri Esperanto kaj pri interlingvistiko kaj eldonos, en kunlaboro kun aliaj institucioj, la bibliografion de Esperanto kaj de interlingvistiko, kiun neniu institucio kapablis fari depost la provo de UEA, kun Stojan, dank'al la apogo financa de s-rino Maurice. Nun ni povos daŭrigi kaj kompletigi ĉi tiun laboron. /.../

**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA (KCE)**

**LG** : – Ĉu vi bonvolus iom paroli pri KCE? Mi kompreneble havas la broŝuron, kiu priskribas ĝin, sed certe estos pli vivante se vi mem parolos pri via „infano".
C.G. : – Do ni devas reveni al Edmond Privat. Li rakontis al ni dum tiu kontakto, ke li malsukcesis, kiam li fondis ISU-n ( = Internacia Somera Universitato) en 1925., kadre de la 17-a UK. Kaj kial li malsukcesis? Li intencis krei someran universitaton, kiu funkcius en la urbo kie okazas la universala kongreso, sed funkcius multe pli longe ol dum ok tagoj. Vere ĝi estus loko kie la profesoroj renkontiĝus kun studentoj el la tuta mondo kaj povus, dum ses aŭ eble sep semajnoj, instrui pri siaj fakoj. Kaj fakte kio okazis? Tiu universitato estis

*Du el la sep domoj de KCE*





*La staĝanoj paŭzas; oni rekonas S-inon Gacond, unua dekstre*

enfermita en la universala kongreso, kaj oni povas preskaŭ diri, ke ĝi degeneris al popolklerigaj konferencoj por la amaso. Do Edmond Privat sopiris la tutan vivon refondi ion, kio povus vivi. Nu, vi scias, ke li kunlaboris al la kreo de Internacia Esperanto Instituto, aŭ Cseh-instituto, kiu estis kreita en la jaro 1931., do kelkajn jarojn post la fondado de ISU, vidante, ke ISU degeneras, li helpis al la kreo de la Cseh-Instituto. Bedaŭrinde la nazioj detruis ĉion ok jarojn poste. Kaj post la milito Privat multe kunlaboris kun Andreo Cseh (=Ĉeh), sed tiam Andreo Ĉeh laboris por la **mondfederalismo,** Universala Ligo fariĝis vere la organo de mondfederalismo, kaj Privat estis granda apostolo de la mondfederalismo. Sed, li diris al ni, ke ankaŭ la Internacia Esperanto Instituto degeneris, ne plu restis tio, kio ĝi devis esti, speco de altlernejo aŭ universitato.

**LG :** – Ĉu la problemo estis, ke altlernejo devas funkcii en konstanta loko, ne povas vojaĝadi de loko al alia...?

**C.G. :** – Nu jes, precize, ĝi havis, en Hago kaj en dua loko, tiun konstantecon. Do li konsilis al ni fondi, krei, altlernejon. Sed por fondi altlernejon oni devas unue krei organizaĵon, kiu povos starigi tiun altlernejon. Kaj tio estis la lanĉo de la ideo de **Kultura Centro Esperantista,** kies celo estas krei altlernejon, universitaton, kaj favori la kreon de dokumentejo. La dokumentejo kreiĝis en La-Ŝodfono, do estis preskaŭ normale ke ankaŭ la altlernejo kreiĝu en La-Ŝodfono. Kaj ekde '68. ĝis 1974. ni laboris por verki kursojn, por krei libroservon, organizi staĝojn, provizore-pionire, kaj serĉi lokon. En '74. ni trovis aĉeteblajn domojn ĉi tie en La-Ŝodfono!

**LG :** – Kio elektigis ĉi tiun urbon? Ĉu la turismeblecoj...?

**C.G. :** – Jes, ili estas grandaj, sed la hazardo volis, ke mi estis instruisto en vilaĝo apud ĉi tiu urbo, mi serĉadis lokon. Unue fore (neniu estas profeto en sia propra lando), sed oni malkonsilis al ni instali novan altlernejon en urbo, kiu jam posedas universitaton, ĉar ĝi estus nur guteto apud oceano. Kaj tiam ni komencis interesiĝi pri La-Ŝodfono, kiu ne havas universitaton, la apuda Neuchâtel havas universitaton, kaj ni ja vidis : ĝis nun ĝi moketas, pli-malpli pri nia laboro. Ankaŭ alia konsilo de Edmond Privat estis tre grava, li konsilis **ne fondi**

ion kadre de la universitato, ĉar poste oni dependas de dekanoj, kiuj estas la estroj kaj ĝenerale ne estas esperantistoj, ne scias pri kio temas, pli-malpli malestimas Esperanton, kaj oni budĝete dependas de decidoj eksteraj al ni mem. Laŭ mi fakte ĉi tio estas dramo en la laboro, kiun plenumas ekzemple Istvan Szerdahelyi, kiu dependas de sia universitato, en kiu estas favoraj aŭ mal-favoraj cirkonstancoj, periodoj, kaj oni neniam scias ĉu post lia emeritiĝo restos io aŭ nenio. Se oni starigas ion absolute sendependan, memstaran, kiu havos poste siajn fortojn financajn, oni povas konstrui ion, kio ne plu dependas de alies decidoj. Tio estis la ideo de Privat, ĉar li ja povis krei, siatempe, fakon en sia universitato en Ĝenevo. Kaj poste kiel profesoro en universitato de Neuchâtel li tre klare vidis, ke estas tre malfacile krei fakon en alia fako. Do ni obeis al li. En '74. ni instaliĝis en ĉi tiuj aĉetotaj domoj. En 1975. fondiĝis fondumo, kiu prenis la nomon de Privat : „Gastejo Edmond Privat". Ĉar pere de la domoj ni volis povi ricevi la gastojn, kiuj frekventos la estontan altlernejon, aŭ kiuj volas ferii en Esperanto-medio... Dum la tuta jaro oni povas ĉi tie agrable ferii. Dum la somero promenadi en la montaroj kaj skiadi dum vintro. Dumvintre en aliaj urboj oni povas fari nenion ekstere, ĉi tie estas ĉiuj eblecoj, kiujn urbanoj serĉas, kiam ili forlasas siajn urbojn por vintraj ferioj. **La ideo estis studi matene, ferii post-tagmeze.** En '78. aĉetiĝis la du unuaj domoj...

LG : – Kiel? Per kiu mono?

C.G. : – Per la mono de esperantistoj, kiuj al-pruntis monon, ĉar la fondumo „Gastejo Edmond Privat" fariĝis ŝparbanko kaj la Esperantistoj povas malfermi ŝparkontojn, ili ricevas rentumon, por Svislando gigantan : 4,5%, kun sekreto de la svisaj bankoj : neniu scias kiu alpruntas, eĉ la direktoro de la centro ne povas scii... ...Do tiel amasiĝis mono, kiu investiĝis en la aĉeton de la domoj. En 1982. la tria domo estis aĉetita kaj en '83. aĉetiĝis la kvar lastaj. Nun, entute ni posedas sep domojn. La celo de ĉi tiu domaro estas : ebligi konstrui la kursejojn, (jam nun ekzistas, ni diru, du : unu kiu estas la „Studejo Andreo Ĉeh", vere ekipita por instrui Esperanton al komencantoj kaj progresantoj el ĉiuj landoj per la modernigita metodo-Ĉeh, kiu ne postulas uzon de nacia lingvo...

LG : – Ĉu ĉi tio signifas, ke komencanto, ekzemple serba aŭ hispana, povas alveni ĉi tien kaj kune eklerni Esperanton?

C.G. : – Jes, nia metodo permesas ĉi tion. Ni jam havis ĉi tie lernantojn el eble 50 malsimilaj lingvoj, kaj ĉiuj bone sukcesis. Ili tuj parolas pere de bildoj, la bildoj gluiĝas ie ajn kontraŭ la specialaj mur-vandoj de la salono, ili formas frazojn kaj ni faras strukturŝanĝojn movante ilin. La lernantoj ellernos diri la samajn frazojn diversmaniere. Ekzemple : „marde ni lernas Esperanton", „mardon ni lernas Esperanton", „je mardo ni lernas Esperanton", „la mardan tagon ni lernas Esperanton", „kiam tagas marde ni lernas Esperanton", „kiam mardas ni lernas Esperanton", kaj tiel plu..., ili ĵonglas pere de la gramatiko, kaj poste ili vidas kion oni plej ofte utiligas aŭ ne.

LG : – Kiom da lernantoj vi povas samtempe akcepti nun?

C.G. : – Nun? Samtempe ni povas akcepti kvin-dekon da feriantoj, gastoj aŭ lernantoj. Se ni havas pli (kaj ni jam havis pli), tiam ni kunlaboras kun la biblioteko kaj la municipo kaj la kunvenoj okazas en urbaj salonoj.

LG : – Bone, ni vidis kiel bone vi sukcesas kun la komencantoj, sed kio pri la progresantoj?

C.G. : – La progresantoj havas, evidente, progresigajn kursojn, ekzemple ĉiumonate ni havas po du semajnfinojn kie estas tri grupoj, kaj en la somero, apud la kursoj por la komencantoj, estas staĝoj plej diversaj pri literaturo, pri historio, pri la metodiko de Esperanto, sed ankaŭ **en Esperanto pri la plej diversaj temoj.** En la instruado de la lingvo ni miksas la progresantojn kun la komenc-antoj kaj formas grupojn laŭ interesoj, ne laŭ lingvonivelo, kaj oni plej ofte utiligas la frazojn faritajn de la komencantoj por fari ekzercojn kun la progresantoj.



*Stefano Keller, sperta instruisto de KCE*

LG : – Jes, ni vidis la arton de via instruisto, s-ro **Stefano Keller** (al kiu cetere sufiĉis ses semajnoj por esperantigi kvindekon da Sri-Lankanoj, kiam li tie vojaĝadis. Li promesis rakonti siajn spertojn al **LG**!) instrui la progresantojn igante ilin mem instruistoj por la komencantoj. Tio estis ege interesa sperto por ni. Sed kion faras la tria grupo

de homoj, kiuj jam perfekte scias la lingvon?
C.G. : – Nu, multe da ili kredas, ke ili perfekte scias, kaj venante kursi ili malkovras mankojn en sia lingvoscio, kaj poste ili aliĝas ofte al progresigaj kursoj. La plej altnivelaj progresigaj kursoj okazas aparte de la instruado al komencantoj kaj mezuloj.
LG : – Ja. Sed ni vidis, ke okazadas serioj da lekcioj pri ajna temo je altlerneja nivelo. Kiuj povas ĉeesti ilin?
C.G. : – Jes, ĉio tio estas alia afero. Temas pri kursoj en Esperanto (ne **pri** Esperanto), kaj povas ĉeesti tiuj, kiuj havas la nivelon por kompreni ilin, pri iu ajn temo, sed ĉiam laŭ vidpunkto de supernaciismo, de tutmondeco kaj aldone per utiligo de vortaro komprenebla de ĉiuj. Fakte karakterizo de **Edmond Privat** kaj nuntempe de la laboro kiun faras **Kultura Centro Esperantista (KCE)**, estas opinio, ke iu ajn, kiu bone scias sian fakon, kapablas esprimi sin en klarigita lingvo. Plejparto de sciencoj ne estas alireblaj al homoj, kiuj ne pristudadis ilin dum jaroj pro troigita faka vortaro, „sekretaj vortoj", malantaŭ kiu sin kaŝas ofte mallertaj specialistoj. Ekzemple en lingvistiko, kio estas „afrikatoj", ktp? Se oni diras, ke temas pri sonoj ambaŭflankaj en la buŝo, aŭ pri sonoj „surlangaj", la vortoj fariĝas simple alireblaj al ĉiuj. Oni ne plu bezonas studadi vortaron dum du jaroj. Se vi diras : ... (...serio da ekzemploj...) Ĉi tio estas demokrata sinteno en Esperanto. Ni devas uzi la veran vivantan vortprovizon de Esperanto ankaŭ por la scienco!
LG : – Ĉi tio estu konkludfrazo de la unua intervjuo, kiun vi bonvolis doni al ni. Ni dankas al vi pro viaj respondoj. Ni atentigos niajn legantojn, ke niaj intervjuoj estas rektaj, perparolaj kaj nepreparitaj de la intervjuito, kiu, en tiuj cirkonstancoj povas erari, kaj kiu rajtas sin korekti skribe en venonta numero.

*LG=EdZ*

# RECENZOJ

**KIU FARAS KION?** estas speciala 94-paĝa numero de la revuo „MEUSE ECONOMIQUE", franclingva magazino de la „Komerca kaj Industria Ĉambro" de la departamento Meuse (Mozo) en Francio. Konata kaj estimata esperantisto, S-ro GILBERT, estas direktoro de ĉi tiu Komerco-Ĉambro, kaj li iniciatis la eldonon de la priparolata katalogo, en kiu la francan, germanan kaj anglan apudas Esperanto, normale, profesiece, simple kaj nature, kvazaŭ ni estus 10 jarojn post la „fina venko". Neniam ni foliumis kun tiom da emocio komercan reklamilon!... ESPERANTA INDEKSO, A, agrokulturaj maŝinoj, akumulatoroj plumbaj, akvodukto ... B, bariloj el ligno, betonblokoj, bredado (sanitaraj produktoj por) ...J, Ĵ, ... juntoŝtopaĵoj, ĵaluzioj el ligno, ... V, ... vestaĵoj por viroj, viandoj konservitaj, vojmontriloj. Ĉiujn produktaĵojn de la departamento vi povas trovi laŭ abc-ordo, kaj malantaŭ ĉiu produktaĵo numero indikas la industriiston aŭ komerciston ĝin produktantan aŭ vendantan. Tre kutimaj aferoj? Jes, sed nun ankoraŭ Esperante! Vi povas mendi ĉi tiun koloran katalogon, kontraŭ dek internaciaj respondkuponoj, ĉe **CHAMBRE DE COMMERCE DE LA MEUSE, Parc Bradfer – F 55000, BAR-LE-DUC, Francio.** Se ne alimaniere, ĝi utilos al vi kiel bildvortaro pri teknikaĵoj kaj komercaĵoj, sed ne forgesu pri la utilo al Esperanto, se kelkaj komercistoj aŭ industriistoj ricevus mendojn el fremdaj landoj dank'al la Esperanta parto de la katalogo!

**NACHKLÄNGE – RESONOJ**

Ekologia libro el poemoj ekologiaj germanlingvaj de Hubert Weinzierl, kiujn tradukis Eckhard Bick, kaj eldonis, kun la koloraj fotoj de Beate kaj Hubert Weinzierl, la eldonejo „Naturo kaj Vivomedio" en Munkeno (D). Tra 64 paĝoj ni retrovas la ekologiisman lirismon de la „senpova kolerego" de la estro de BUND (Asocio por vivmedio kaj naturprotektado en Germanio). Fakte, la medioprotektado estas rekaperita de ekonomiaj kaj politikaj premgrupoj kaj ofte deflankigita de la originala celo : „ĉasado estas aplikita medioprotektado, mortigi la leporon estas aplikita medioprotektado", ankaŭ „mortŝpruci parazitojn", „la karpo sur fiŝkapta hoko" kaj ĝenerale ĉiuj aferoj, kontraŭ kiujn luktadis ekologiistoj. Oni devas rimarkigi la kolorajn fotojn, kiuj nur tre malofte ornamadas Esperanto-librojn. La plej rimarkindaj el la 27-opo estas pri kokaro, neĝo kaj sunorumita muro (sur la paĝo 7-a), pri meditema azeno en verda kampo (sur la 15-a paĝo), pri natura floraro antaŭ montetaro (sur paĝo 39-a), paca pejzaĝo kun lageto (sur la paĝo 41-a), alia brumeta pejzaĝo (paĝo 53-a), tre romantika lagbordo kun dometo kaj floranta arbo (paĝo 57-a), kaj vi certe ne forgesos la kaprokapon, kiun vi ekvidos sur la paĝo 23-a. Temas pri oferinda libro ankaŭ al neesperantistoj se ili estas iom sentemaj al naturbelaĵoj. La papero, la presado, la bindaĵo luksas. La libro kostas 28.80 DS-n (=13.30 ekuojn), vi povas ĝin mendi ĉe : **„LIBERA ESPERANTO-ASOCIO,"** Renneroder Str. 22, D-6230 Frankfurt am Main 80, Germanio.

# PREZOJ KAJ KURZOJ

## PO KIOM DA HOMOJ POR UNU AŬTO?

Ni esperas utili al la esperantistaro publikante statistikojn, kiuj vigligas la konversaciojn. En ĉi tiu numero vi trovos po kiom da homoj devus eniri unu civilan aŭtomobilon, se oni volus transporti samtempe la tutan loĝantaron en ĉi tipa aŭtomobilo. Kompreneble se oni volus doni statistikan bildon pri la transporteblecoj en iu lando, ni devus paroli ankaŭ pri motocikloj, aŭtobusoj, trajnoj, tramoj, bicikloj, ĉevaloj, azenoj, kameloj, kaj tiel plu. Do ni ne eltiru tro rapidajn konkludojn el ĉi tiuj ciferoj. Kelkaj ciferoj estas tiom misproporciaj al la Eŭropaj, ke ni ne povis ilin enigi en la grafikaĵon, kiu entenas nur eŭropajn landojn.
(Fonto : *Images Economiques du Monde, SEDES, Paris 1980. kaj 1985.)*

| *hom/aŭto* | *1979a* | *1984a* | *hom/aŭto* | *1979a* | *1984a* |
|---|---|---|---|---|---|
| A | 3.7 | 3.1 | GR | 14.5 | 9.3 |
| AUS | 2.6 | 2.4 | I | 3.4 | 2.8 |
| B | 3.3 | 3.0 | IND | 766.0 | 746.0 |
| BR | 17.6 | 15.8 | J | 5.4 | 4.5 |
| CH | 3.1 | 2.6 | MEX | 24.5 | 16.8 |
| CS | 9.0 | 6.1 | NL | 3.5 | 3.0 |
| D | 2.8 | 2.5 | PL | 27.3 | 12.7 |
| DDR | 7.0 | 5.9 | S | 2.9 | 2.8 |
| DZ | 54.7 | 35.7 | SU | 52.8 | 26.1 |
| E | 5.7 | 4.4 | TJ | 22500.0 | 10345.0 |
| F | 3.0 | 2.7 | USA | 1.9 | 1.9 |
| GB | 3.9 | 3.4 | YU | 10.3 | 8.3 |

*1 EKUO VALORIS JE 21APR86*

| | | |
|---|---|---|
| 14.911 As | 135.547 GRs | 142.476 Ps |
| 44.186 Bs | 44.569Hs | 158.052 PLs |
| 0.903 BGs | 1474.402Is | 6.872 Ss |
| 1.777 CHs | 1.404 ILs | 4.851 SFs |
| 2.153 Ds | 39.639 ISs | 0.701 SUs |
| 7.917 DKs | 167.915 Js | 342.663 TGs |
| 4.556 DZs | 43.901 Ls | 0.688 TNs |
| 136.591 Es | 8.780 MAs | 646.979 TRs |
| 6.853 Fs | 6.698 Ns | 0.935 USAs |
| 0.634 GBs | 2.423 NLs | 327.191 YUs |




## KRUCVORTENIGMO "KVE-4"



**HORIZONTALE:**

1 - La unua, kiu mezuris la cirkonferencon de la Tero. 2 - Region' dividita inter Pollando kaj Ukrainio * Germana river'. 3 - Aŭtoro de la „Pri la naturo de la aĵoj" * Norvegio. 4 - Malde * Facile klasebla kartonfoliet' * Ĉiela part'. 5 - Fama biblia ŝipestro * Grasa likvaĵo * Tajlando. 6 - Tuno * Plenda ekkri' * Homarane : Bagdadio. 7 - Ŝanĝiĝado * Solec'. 8 - La fakulto pensi koncepte * Maleg' * Ektelefona vorteto. 9 - Rimedet' * Fosforo * Simbol' de submetiĝo. 10 - Ekzilo de homo danĝera pro siaj kapabloj.

**VERTIKALE:**

1 - Sovaĝa rozo. 2 - Virnomo * Danc'. 3 - Parhuful' * Ĥaradrieda vadbird'. 4 - Atribut' de Bakĥo * Antaŭa, malmola flugil' ĉe insektoj. 5 - Makulo sur papilia flugilo * Urugvajo * Aŭstrio. 6 - Insul' en Mediteranea maro * Angla Publikiga Kompanio. 7 - Proponita sufikso por muzikaj intervaloj * Batalgas' * Italio. 8 - Peceto * Verdaĵinsul' en dezerto * Monogramo de Sovetia tirano. 9 - Atentiga interjekcio * Federacia Germanio * Ĉirkaŭkola vestopart'. 10 - Birdofakulo.



# LA NOVA LINGVO DE LA REĜINO

*Bernard Aunis*

En ja tre malnova tempo kaj en malproksima lando vivis unu potenca reĝino, kiu povus esti la plej feliĉa el ĉiuj homoj : tiel pacemaj estis ŝiaj najbaroj, ke por iom ekscii, kio estas milito, oni devis demandi maljunulojn, ĉu ili konfuze memoras pri la rakontoj de sia infanaĝo; la soldatoj preskaŭ forgesis la manipuladon de la armiloj, kaj tiu estiĝis kapitano, kiu plej bone muzikis surstrate dum la multnombraj festotagoj. Neniam oni zorgis pri la morgaŭo : ĉu la tero ne estas tie por kreskigi, kvazaŭ sen laboro, la plej bonan tritikon de la mondo? Ĉie fluis vino kaj biero por la ĝojigo de la koroj, kaj same en la kabanoj kiel en la palacoj oni dancadis de la mateno ĝis la vespero.

Nur unu domo ne partoprenis je tiu komuna gajo : la reĝina; ĉar oni sciu, ke en tiu lando, benita de ĉiuj dioj, estis uzataj cent lingvoj, ne malpli, kaj nepre observenda konstitucio devigis al la reĝino paroli ĉiun el ili, almenaŭ iom, okaze de la ceremonioj; oni ne trovis pli bonan rimedon por la kontentigo de ĉiuj popoloj kaj la daŭrigo de la paco inter ili. Tial, dum ĉie aliloke oni amuzis brue, la kompatinda moŝtulino havis por ĉiu horo de la tago apartan lekcionon, kaj, kiel pri ĉiu alia reĝanto oni ordinare diras : „Li estas en la konsilanejo", ĉi tie oni diradis : „Ŝi estas kun profesoro pri lingvo".

Unu tagon venis du trompantoj, kiuj diris sin lingvofaristoj, kapablaj verki la plej mirindan lingvon imageblan : ĉiuj inteligentuloj povos ĝin kompreni tuj ĉe la unua aŭdo, eĉ neniam lerninte ĝin; tian avantaĝon ne havos la stultuloj, sed tio ne estas ĝena, ĉar tiaj homoj ne gravas en socio. „Jen bonega lingvo", pensis la reĝino, „parolante ĝin mi povos samtempe ordoni al ĉiuj miaj ministroj kiujn homojn mi supozas inteligentaj; kaj, se iu min ne komprenos mi scios per tio, ke li ne estas tia kaj ne taŭgas por sia ofico."

Tamen ŝi volis antaŭe la opinion de kompetentuloj, kaj la plej kleraj lingvistoj estis demanditaj pri la afero; sed la trompantoj estis ruzaj kaj ili zorgis, ke ilia lingvo faru en la unua minuto bonan impreson sur la scienculojn : ili prenis do sian vortaron preskaŭ sen ŝanĝo el la plej gravaj jam ekzistantaj lingvoj naturaj. Ricevinte frazon skribitan en tia projektita lingvo, la lingvistoj rimarkis, ke ili per la unua fojo komprenas ĝin, kaj ne atentante, ke legante ajnan lingvon naturan tute sen iaj ŝanĝoj ili ankoraŭ pli facile komprenus ĝin per la unua fojo, ili raportis entuziasmaj, ke la lingvo estas bonega kaj oni donu al tiuj du scienculoj sufiĉe da mono por ellabori ĝin.

Post kelke da jaroj la lingvo ne estis ankoraŭ farita, sed la trompantoj insistis, ke ili bezonas tempon por elverki ion perfektan, kiu kantos la gloron de la reĝino en ĉiuj venontaj jarcentoj; de temp' al tempo ŝi sendis iun ministron por informiĝo, sed impresite de la lingvista raporto, kaj ne volante, ke oni rigardu lin stulta, li ne kuraĝis konfesi, ke li komprenis nenion, kaj ĉiufoje estis konkludite, ke oni daŭrigu la monhelpon. Tial oni asertas, ke dum dudek sep jaroj la trompantoj subĉerpis de ŝi pli ol tri milionojn kaj duonon da svisaj frankoj, kio jam estis multe en tiu tempo.

Pasis la jaroj, venis la aĝo. Iom post iom la reĝino seninteresiĝis pri la afero kaj pensis nur pri la savo de ŝia animo. Ŝin konvertis tantrisma pastro el la universitato de Ĥaĝuraho; li instruis al ŝi novan lingvon, Interlingam, ankoraŭ pli facile kompreneblan, kaj ŝi estiĝis tiel preĝema, ke ŝi devociadis kun li de la vespero al la mateno. La kronprinco sciigis al la du trompantoj, ke du jarojn post la morto de lia patrino li ĉesigos ĉian subvencion, kaj, se ili ne povos tiam prezenti tute faritan lingvon, li palisumigos ilin kiel rabiistojn.

Tiel timiga estis la informo, ke ĉiuj iliaj amikoj, kiuj subnome de kunlaborantoj manĝis kaj drinkis la reĝinan monon, tuj forflugis kiel apusoj. Restinte duope, la du trompantoj fuŝis fantoman vortaron kaj eĉ pli fantoman gramatikon; ambaŭ estis prezentataj al la nova reĝo en granda ceremonio. Denove demandite, la lingvistoj aprobis la lingvon post atenta studado de kvin minutoj, kaj oni ekuzis ĝin en ĉiaj konferencoj.

Sed baldaŭ komencis malfaciloj : en la kvin konjugacioj oni senĉese perdiĝis, kun rezultoj foje strangaj; oni ofte forgesis unu el la duoblaj literoj, tiel ke estis aŭdata la krio : „La duoblaj al la diabloj!"; oni neniam divenis ĉu oni skribu **ph** aŭ **f**, **th** aŭ **t**. En ĉi-lasta kazo, la du trompantoj fine permesis, ke oni uzu ambaŭ manierojn, sed la kuracilo estis katastrofa, ĉar oni ne plu sciis, kie oni serĉu en la vortaroj. Ne estis facile kompreni, kial al la sola verbo **esti** oni donis subjunktivon, forgesinte tamen precizigi, kiam oni ĝin uzu; la finaĵon de la ecaj nomoj oni skribis jen -tate, jen -tat, laŭ la kaprico; por la kondiĉo oni utiligis jen la imperfekton, jen la kondicionalon, kaj unu sama skribanto sin kontraŭdiris je intervalo de du linioj. Al tio la du trompantoj respondis tre lerte, ke perfekta lingvo estu neregula, ĉar la nereguleco estas

laŭnatura : ĉu la infano ne spontane reguligas la lingvon kaj la bonaj instruistoj ilin ne frapadas por devigi ilin paroli laŭ la naturo?
Sed la plendoj daŭradas. Sama frazo signifis samtempe : „Vi ne atendis mian leteron" kaj „Vi ne atentis mian leteron", kio estas tute malsama en ĉiu normala kranio; oni ne povis scii, ĉu teorio estis **provita** aŭ **pruvita**, ĉar sama vorto havis la du sencojn. Por tiuj demandoj kaj aliaj oni iris al la du trompantoj, demandante ilin : „Kial? kial?". Sed ili ne povis konfesi, ke ili profitis de „la publika kredemo, kaj ĉiufoje ili respondis nur : Ial, ial..." tiel ke la popolo kromnomis ilian domon la IALA. Unu sindonema fidelulo, pli fervora ol kompetenta, provis publikigi revuon por defendi la novan lingvon, sed li vendis nur revon, tiel ke la popolo kromnomis la revuon de tiu revisto „La Revista". La lingva konfuzo ne plu reĝis nur en la lando, sed en la rimedo mem, per kiu oni pretendis forigi ĝin.
Tio estis tro babela, ol ke ĝi daŭrus. Post dek jaroj oni saĝe rezignis tiun fantomon kaj oni revenis al la lingva konfuzo, kiu verdire neniam ĉesis antaŭe. Por la instruo de sia popolo la reĝo gravurigis la tutan historion sur muron de sia palaco, kie oni ankoraŭ povas legi ĝin. Sed ĉiuj ne volis fari la vojaĝon.

*Bernard Aunis*

---



# ĈU MALRACIIGI ESPERANTON?

*Rikardo Ŝulco*

En INTERLINGUISTICA TARTUENSIS III (1984, p. 109-113) Madis Linnamägi publikigis artikolon pri la libro de d-ro Detlev Blanke „Plansprache und Nationalsprache", Berlin 1981. Li ne estas recenzinta la libron, sed saĝe kontentiginta sin per referanta prezentado. Kaj kion li referas, pensigas.
Estas ja principa eraro en la koncepto de d-ro Blanke, Esperanto estas racie planita lingvo, kiu ĝis nun nur malofte estas vere bone parolata, kaj en niaj tagoj eĉ malpli bone ol en ĝiaj komencoj. Lasi Esperanton libere evolui kiel ĉiuj aliaj lingvoj kaj poste registri la efektivan uzadon kaj el tiu uzado ree dedukti regulojn kaj sekvindajn modelojn estas vera absurdaĵo. Esperanto posedas severan strukturon. Ĝin esplori estas scienca tasko. Esperanto havas sian bazan regularon, sian Fundamenton. Ekzistas la Bulonja deklaracio. Devojiĝoj de tiuj por ĉiuj Esperantistoj devigaj normoj estas rigardendaj kiel eraroj egale, ĉu ili estas jam tradiciaj, ĉu freŝdataj, ĉu ili estas jam disvastiĝintaj aŭ ne. En lingvo arte farita eraro restas eraro, ĝi ne povas esti sanktigata per la uzo. Malĝusta kutimo ne povas fariĝi ĝusta, ankaŭ ne se multaj Esperantistoj kaj eĉ elstaruloj laŭas. En Esperanto ne ekzistas alia instanco ol la logiko, kiu estas komuna al ĉiuj homoj. Nur ĝi povus malebligi, ke iam estiĝus eble ĉe la Ĉinoj aŭ la Sovetoj aŭ la Usonanoj iu dua aŭ plia skisma kontraŭa Akademio. Sen la reguliganta logiko Esperanto fariĝus iom post iom tiom ĥaosa kiom la Angla lingvo, kiu tamen havas la grandan avantaĝon, ke jam 300 milionoj da homoj ĝin parolas.
Diri, ke en kunmetitaj vortoj ĉiu substantiva precipa vorto substantivigas la flankan vorton, estas danĝera regulo. Ĝi estas kontraŭ la strukturo de racia Esperanto kaj forviŝas la diferencojn inter la gramatikaj vortokategorioj. Ne malpli danĝera estas la strebado hejmigi en Esperanton la kunmetadon de adjektivo kiel flanka elemento antaŭ substantivo. Tio simple signifas kontraŭ-Fundamentan elizion de la adjektivaj finaĵoj "-a(j)(n)".
"Belreĝino(j)(n)" devas esti "bela(j)(n) reĝino(j)(n)". Ankaŭ en la signifo "beloreĝino", la vorto ne estas bone formita. Vere klara estas "belecreĝino".
"Fremdvorto" estas fuŝaĵo. Zamenhofo en la dek-kvina regulo parolas pri **vortoj fremdaj**, ne pri **fremdvortoj.** Oni tamen povas ĝuste paroli pri "fremdecvortoj".
Tute alia afero, kiun oni ne devus konfuzi kun la ĵus aludita, estas la vortoj formitaj per "-ul(in)o". Tiu sufikso substantivigas a d j e k t i v o j n. Tion ne miskompreneble montras la Universala Vortaro. En ĝi ni trovas jenajn Zamenhofajn ekzemplojn : belulo, maljunulo, avarulo, junulo kaj riĉulo, kiuj ĉiuj havas adjektivon kiel flankan elementon.
La sufikso "-aĵo" estas senprobleme aplikebla, ree laŭ la Universala Vortaro, almenaŭ al adjektivoj kaj substantivoj. Sed diferencigi inter "bonaĵo" kaj uzas nedifinan artikolon? Aŭ kiel Marjorie Boulton, kiu uzas **tiel** antaŭ adjektivoj kaj adverboj por indiki gradojn? Aŭ kiel Vilhelmo Oldo, kiu prefikse uzas la sufikson **-et** kaj senĝene la kontraŭ-Fundamentan prepozicion **far**? Ĉu ili ne estas el niaj **plej bonaj** verkistoj? Kaj tamen ili kontribuas al la ĥaosiĝo kaj difektiĝo de nia lingvo.

La aŭtoro mem liveras ekzemplon de tiu evoluo. En la paĝo 274 li parolas pri la verbaj agadmanieroj kaj citas la verbon **finskribi.** Ĉu li ankaŭ formus **komencskribi** aŭ **mezskribi**? Kiu klarigos al ni, ĉu **finskribi** signifas **skribi ĝisfine** aŭ **skribi ĝis la fino** aŭ **skribi la finon**? En ĝusta Esperanto ni havas la vicon **ekskribi, skrib(ad)i, elskribi,** same kiel **ekverŝi, verŝ(ad)i, elverŝi** aŭ **eklegi, leg(ad)i, ellegi** aŭ **eklerni, lern(ad)i, ellerni** aŭ multaj aliaj. La interesiĝinta leganto bonvole konsultu : Mimò, **Kompleta Lernolibro de Regula Esperanto,** apartaĵo 132 : Fina aspekto – Prefikso „el-"; Sabadell 1973. Ŝajnas, ke la aŭtoro ne konas tiun sagacan verkon. En lia biografio ĝi mankas.
La tuta libro, aperinta en la GDR, estas senteble plena de socialisma etoso. Tio ne signifas, ke la prijuĝoj kaj la priskriboj de la planlingvaj fenomenoj ne estas science motivigitaj. Kontraŭe, plej ofte ili estas plenaj de zorga kaj prudenta esploro. La bazaj konceptoj de la aŭtoro komprenեble originas el la historia materialismo. Li do ofte insistas pri la sociaj cirkonstancoj, sub kiuj lingvo ĝenerale, sed ankaŭ la arte farita Esperanto evoluas.
Lia persona lingvaĵo estas traplektita de sennombraj fakesprimoj. Ĝi estas eliteca, certe nur malfacile komprenebla de ne aparte kleraj, eble ankaŭ ne de liaj ja kleraj, sed ne fakulaj socialismaj kamaradoj.

*Rikardo Ŝulco*

# OPINIO PRI "METROPOLITENO"

La lecionoj en **LG** pensigis kaj instigis min legi la romanon de V. Varankin : „Metropoliteno". Mi prezentas al via juĝo, karaj legantoj, kelkajn meditojn pri la romano.

Mi opinias ke la nomo „Metropoliteno" estas multsignifa. Efektive, temas pri konstruado de metropoliteno en Moskvo, tamen la tuta romano laŭ si mem prezentiĝas simile al metropoliteno : enirante ĝin, ni malkovras multege da stacioj, senĉesan ŝanĝon de lumo kaj mallumo; pri la intrigo, pri la vera profundeco de metropoliteno-romano ni povas nur konjekti. Se rigardi tute de supre, la romano estas konstruita laŭ la plej primitiva skemo de „socialisma realismo" :

ni vidas aron da aĉuloj, kiuj eniris la Komunistan Partion kaj kune kun malhonestuloj-nepartianoj okupis gvidajn postenojn en Moskva Trusto por Urba Mastrumado (Mosĥozupr). La negativaj personaĵoj estas nigre-nigraj, sen ajna homa trajto. Ili ĉiuj estas forpuŝigaj jam de ekstere (la vizaĝo de **Serebrovskij** „ŝajnis esti vizaĝo de kadavro"; liaj okuloj „mirigis per sia senkolora malvarmo" /p. 14/; la edzino de Serebrovskij **Anna Petrovna** estas „treege grasa, kun triobla mentono" kaj „ŝi estis elrampanta per tuta sia korpo el vestoj" /p. 79/; la inĝeniero **Vinokurov** havas ruĝan hararon kaj ruĝan vizaĝon, krome „la homo eĉ ne kapablas rideti!" /p. 69/; la librejadministranto **Ĉernjaev** estas „longega verdvizaĝa viro" /p. 31/. La liston oni povas ankoraŭ longe daŭrigi). Do, ili ĉiuj pekas pri koruptemo, malĉasteco, malsobreco, tromanĝado, krudeco, malindeco ktp. Noblaj honestuloj Vitalij Zorin kaj Ivagin (plus kelkaj laboristoj) kontraŭstaras ilin. Fine de la romano la justeco venkas : aĉuloj estas demaskitaj (ankaŭ ĉiuj ekscias pri ilia vera deveno, tutcerte ne-proleta!), forpelitaj el partio kaj punitaj. Ne-partiano Zorin maturiĝas kaj faras peton aniĝi al Komunista Partio. Kaj eĉ la ĉiam malkontenta Olga, ŝajnas, trankviliĝas (ne temas pri am-aferoj). Ŝi komprenis kialon de sia malfeliĉo : ŝi ne partoprenis la socian vivon. Nun ŝi laboras, gajnas monon kaj kune kun milionoj da virinoj „aktive konstruas socialismon".

Tamen se romano prezentus el si nur tion, ne indus tiom longe atenti ĝin.

En la centro de romano staras juna inĝeniero Vitalij Zorin. Kaj la mondo estas vidata per liaj okuloj. Por kompreni kiom objektiva estas la prezentita mondo, ni devas kompreni nian heroon.

Kio estas Vitalij Zorin? Li estas filo de iama altranga cara oficisto. La familiaj ligoj signifas nenion por li. En la tuta romano li nur dufoje revenas al rememoroj pri siaj gepatroj. Kaj mi ekscias ke dank'al sia patrino li lernis pianludi kaj dank'al ŝi li konatiĝis kun la germana kulturo. Pri la patro Vitalij hontas (rememoru scenon ĉe Serebrovskij : je la demando pri la patro, Vitalij „forte ruĝiĝas" /p. 42/). Ĉu, eble, la patro estis drinkulo, diboĉulo aŭ ŝtelisto? Ne, Vitalij hontas pri sia „ne-proleta deveno"! Ja de patro li heredis „la dorlotitajn manojn, nervozemon kaj ĉiujn ceterajn negativajn flankojn" /p. 69/. La patro, ŝajnas, estis tro severa, seka, moralista. Pro ĉio ĉi kune Vitalij „tutkore malamas" sian patron. Do, ni povas diri, ke Vitalij estas vera infano de „socialisma Patrujo". Li finis la sovetian universitaton kaj iĝis inĝeniero pri elektro. Propravole li okupiĝas pri la planoj de Moskva metropoliteno. Li estas tre laborema kaj

tre modesta en ĉiutaga vivo. Mi plene kredas la aŭtoron ke li estas bonega fakulo. Traleginte la romanon, mi metis al mi demandon : se forpreni el la romano am-aventurojn kaj am-suferojn de Vitalij, kio restos de la ĉefa heroo? Restos nur bona fakulo. Alie Vitalij estas homo tre meza. Lia mondkoncepto estas tre strikta, tre dogma, sen ajna dubemo. Lia mondo estas strikte dividita je : Sovetio — koncentriĝo de Bono, la cetera mondo — Malbono; Nigro — Blanko. Skemoj, tutcerte estas nepraj en lia fako, sed la reala vivo eniras neniujn skemojn. Skematisma kaj ŝablona pensmaniero de Vitalij malebligas al li ekkoni kaj kompreni la vivon. Ĝuste ĉi tion riproĉas al li Olga, kiu cetere estas homo alitipa (homo pensanta memstare) : „Ho, kiom mizera estas via pensmaniero, Vitalij! Ĉu definitive pereis en vi iu ajn kritikema rilato al la ekstera mondo?"! /p. 143/ Efektive Vitalij tute malbone konas la ĉiutagan vivon de siaj samlandanoj, kaj eĉ de sia propra edzino. Liajn pensojn okupas laboro, konfliktoj en la Trusto kaj amaj problemoj. La ceteran mondon li scias el la sovetia gazetaro, al kiu li kredas centprocente. Li ripetas ŝablonajn sloganojn de la Partio, ne vidante malantaŭ ili la vivajn homojn kun iliaj problemoj kaj suferoj. Eĉ kiam la vivo kunpuŝigas lin kun homoj pensantaj (Olga, inĝeniero Berg, Frau Marta), la cerbo de Vitalij scipovas nur meti tabuletojn kaj simile al komputilo klasadi la homojn (la unua reago je konceptoj de inĝeniero Berg pri perspektivoj de sovetia socio estas jena : „Mi komencas suspekti ke li estas trockiano" /p. 22/. Li ne pensas pri enhavo de la vortoj, li rapidas klasadi ilin : al kiu „malamika sekcio" ili apartenas!). La saman ortodoksan pensmanieron havas Alice, pro tio ili sentas sin bone kune. Olga estas tro komplika por Vitalij kaj per siaj duboj, kritikaj rimarkoj, ŝi ruinigas la belan iluzian mondon de Vitalij. Ankaŭ pro tio li fuĝas el la hejmo.

Kial Varankin elektis tiom ortodoksan, tiom limigitan ulon por meti lin en la centron de la romano? Eble, mi aŭdos protestojn de esperantistoj, kiuj rapidos defendi Vitalij-on... ja li estis ankaŭ esperantisto! Do, pri esperantisteco de Vitalij mi havas fortajn dubojn. Efektive, li parolis Esperanton kaj eĉ korespondadis. Li lernis Esperanton dum du monatoj kaj asertas, ke „perfekte ĝin posedas". Kiel ni ĉiuj scias, multaj eminentaj esperantistoj ne rapidas aserti pri „perfekta kono" (des pli, post du monatoj!). Do, ĉi tie la modesteco iom lasis nian heroon. Sed ne tio gravas.

La plej ŝokaj paĝoj de la romano apartenas al la polaj impresoj de Vitalij. „Mi ĝuas grandan plezuron labori en Berlino, ne en Varsovio. Tiu lasta estas urbo de oraj pasamentoj, malvarma luno kaj aĉetebla virina karno. Ĝi elvokas sur mian vizaĝon grimacon de abomeno" /p. 11/. Ĉu ne strangas tia

# La Migranto

riĉe ilustrita revuo pri turismo, naturbelaĵoj, flaŭro kaj faŭno, ekologio, naturprotektado kaj kulturaj aferoj, estas eldonata de la Esperanto-Fako de Turista Asocio „La Naturamikoj" (TANEF). Ĝi aperas kvaronjare kaj kostas nur 7.00 svisajn frankojn*. Petu senpagan provekzempleron de : Liesel Nagel, Roseggerstr. 17, D - 7800 Freiburg, Federacia Respubliko Germanio. * ĉ. 4 EKs

sinteno de esperantisto? Ĉu, eble, Vitalij ne scias, ke en Varsovio vivis L. Zamenhof, ke en Varsovio aperis la unua lernolibro de Esperanto? Tamen estas nenia rimarko ĉe Vitalij pri tio, nenia penso pri tio, ke li estis en naskiĝlando de Zamenhof! Des pli — Vitalij scipovas diri pri Pollando nur ĉi tiujn vortojn : „Malvarma, kruela kaj naŭziga lando!" /p. 11/. Evidentiĝas, ke internaciismo de Vitalij estas tre malprofunda, supraĵa, ke ene troviĝas meza grandrusa ŝovinisto, kiu malamas Pollandon pro tio, ke ĝi sendependiĝis kaj eskapis prizorgon de Granda Rusio. Grandrusa ŝovinismo interplektiĝas kun ortodokseco de Vitalij kaj li indigne ekkrias : „Helkolora militema koko, turninta sian bekon kontraŭ lando de l'Sovetoj!" /p. 11/.

Kial Vitalij tiel amas Berlinon kaj Germanion entute? Ĝuste pro tio, ke tie li trovas la samajn ortodoksulojn kiel li mem. Pro tio li kantas glorkanton al Berlino : „Berlino estas tute alia. Ĝi estas pli luma. Kaj pli simpla. Kaj pli varma." /p. 11/. Eĉ la dometoj estas „simpatiaj". La germanaj komunistoj plej blinde imitas ĉion sovetian — pli ĝuste — ĉion russovetian, ja en la romano nur la nomo USSR indikas, ke temas pri unuiĝo de diversaj respublikoj. Vitalij vivas en la rusa kulturo kaj, ŝajnas, havas nenian imagon pri la aliaj kulturoj de sia glorigata Sovetio. En Berlino regas „rus-soveta ekstazo"; kantado de kanto pri Stejnka Razin*, studado de la rusa lingvo, ŝercado pri deziro ekhavi „rusan infanon" ktp. Vitalij troviĝas inter siaj similuloj kaj pro tio li fartas bone.

Tamen, kial la aŭtoro elektis lin por sia romano? Eble, tial, ke dank'al Vitalij li povas pli reliefe, pli trafe montri la abismon inter vortoj kaj realeco, inter idealismaj strebadoj kaj reala vivo? Ja se ni aŭskultos paroladojn de Vitalij kaj komparos ilin kun de li mem priskribita realeco, ni malkovros kriantan diferencon. Jen, ekzemple, kion rakontas Vitalij al Alice pri sovetia vilaĝo :

/.../ Estis iu miksaĵo de pajlo kun nigrigita ligno, aŭ eĉ pli malbone, kun argilo.
– Estis? – substrekas Alice.
– Nu, certe, estis. Nun kreskas nova vilaĝo, kolektiva, brika, verda, elektrifikita! Tiun la via sendube envias! /p. 92/.

Kial la antikvaj kamparanaj domoj devis esti nepre malpuraj – restas enigmo. Des pli nekompreneblas kial la germanaj vilaĝanoj devas envii la sovetiajn? Jen la priskribo de la germana vilaĝeto, kien la komunistoj venis agitadi kontraŭ kirasŝipon : „Vilaĝeto kiun ni venis, kalkulas kelkajn milojn da loĝantoj. La stratoj estas pavimitaj per glata ŝtono kaj lumigitaj per elektro. Fruktaj ĝardenoj afable svingas verdajn branĉojn. La korto de la germana mastro brilas pro pureco". /p. 92/. Vitalij atingis vilaĝeton per la „loktrafika vagonaro", veturinte preter „akurataj ŝtonaj vilaĝanaj dometoj kun tegolaj tegmentoj".

Kaj nun rememoru la vojaĝon de k-do Ivagin en Semigorsk (ambaŭ vojaĝoj okazas en la sama jaro!). Al la vilaĝo, kie loĝas Olga iras neniu trafiko kaj la fiakristo postulas 3 rublojn por la kvarkilometra distanco. Ivagin estas juna kaj li povas permesi al si promeni perpiede. Sed kion faros maljunuloj, patrinoj kun infanoj, ne havantaj tri rublojn? Ankaŭ marŝus perpiede. Ivagin aliras la domon de la patrino de Olga. Kion li vidas : „Antaŭ la sepa unuetaĝa dometo kun tri fenestroj; profunde enradikiĝinta en la grundon li haltis." /p. 188/. Li estos dormanta en kuirejo, ja la dometo efektive enhavas nur unu ĉambron. Olga povas proponi al li nur lakton. Kaj post ioma tempo ŝi avertas lin, ke „en vico por aĉeti viandon, sendube vi estos staranta!" Sekvonttage Ivagin dum tri horoj staras en vico... kaj senrezulte! Ja viando ne plu estas.

Efektive, kiu al kiu devus envii?! Tamen Alice gapas je Vitalij, ja por ŝi Sovetio estas simbolo de tuthomara feliĉo. Ke la realeco estas terure malproksima de ŝiaj belaj revoj ne interesas ŝin. Pro tio ŝi estas ideala agitistino kaj „ruĝfrontbatalantino".

La forto de Varankin troviĝas en lia realismo. Eĉ vidita per la okuloj de tia homo kiel Vitalij, la reala vivo de 20-30 jaroj aparas antaŭ ni. Tial la romano estas valorega dokumento de la epoko. Oni nur ne devas identigi la aŭtoron kun sia heroo. Laŭ nia profunda konvinko, la aŭtoro estis multe pli larĝpensa, kritikema, nekompareble pli interesa persono ol Vitalij. Bedaŭrinde, la informoj pri Varankin mankas kaj li daŭre estas mistero por ni. La arĥivoj de nuna KGB, tutcerte kaŝas dokumentojn pri sia viktimo. Sed kiam ili iĝos konataj?

**P.S. :** Ĉu la romano havas nur historian valoron? Tute ne. Ja diversspecaj homaj tipoj, tiom realisme priskribitaj de Varankin, daŭre ekzistas. Daŭre ekzistas novaj Zorin-oj kaj Ivagin-oj (tamen ege malpli!, ĉar la tipo de Zoja estas pli vivkapabla, do, plej kutima nun). Daŭre ilin gapas kaj kredas novaj Alice, Berta, Otto kaj similaj. Daŭre okazas krizoj ĉe novaj Olga-j, ja krizo de Olga estas krizo de pensanta homo en la mondo de la mensog-eŭforio. Daŭre oni staradas en vicoj dum tri horoj kaj pli, daŭre la vendejoj restas „senespere malplenaj", daŭre mankas loĝejoj, infanvartejoj, daŭre la trafiko superplenas... Kaj kiu prosperas? Prosperas novaj Serebrovskij kaj Dobroĥotov, prosperas la tuta Nomenklaturio, kiu reale mastras la sovetian socion. La inĝeniero Berg pravis : „Kio alia estas ĉe vi en Rusio nun, se ne diktaturo de la komunistoj?" /p. 21/.

Kaj la lasta vorto :
La aserto ke „Metropoliteno" estas unika verko en la monda literaturo ne estas prava. Tutcerte, ĝi estas unika en la Esperanta Literaturo. Tamen naciaj literaturoj (rusa, ukraina, belorusa kaj aliaj) havas multe da verkoj, priskribantaj ĝuste la komencon de la Sovetia socio kaj verkitaj en la 20-30-aj jaroj. Ĝuste la 20-aj jaroj elstaras per abundeco de diversspecaj literaturaj organizaĵoj kaj tre vigla agado. Komence de 30-aj jaroj ĉiuj organizaĵoj estis likviditaj per ukazo de Partio kaj regrupitaj en unusolan Unuiĝon de sovetiaj verkistoj (ĝia unua kongreso okazis en la 1934-a jaro). Multaj verkistoj eksilentis tute, aliaj sin mortigis, granda parto pereis en koncentrejoj, alia parto konformiĝis kaj ekkreis „veran sovetisman arton". La fakto ke la nomoj kaj verkoj estas ege malmulte konataj en Okcidento ne signifas tamen ke ili devas esti forstrekitaj el la monda literaturo.

* *La kanto, cetere, havas tre plaĉan melodion, Tamen mi ne opinias kiel prikantinda heroaĵo la fakton de forrabo de princino, ŝia perforta edzinigo kaj la posta enĵeto en Volgon por eviti primokojn de kunuloj kaj gardi sian ĉefecon. Sed pri la gustoj oni ne diskutas, ĉu?*

*Enko*

**Tasko :** Ĉu vi priĵuĝas la verkon de Varankin samopiniante kiel Enko?

## LA GRAMATIK(L)A PUNKTO

3-a ELEMENTA STUDOPAŜO

La vicmontraj numeraloj indikas la ordon, montras la vicon de io ajn en grupo.

Ili estas formataj per simpla aldono de la vokalo -a al la bazaj numeraloj : unu-a, du-a, tri-a, kvar-a, kvin-a, ses-a, sep-a, ok-a, naŭ-a, dek-a, dek-unua, dek-dua, dek-tria... dudek-a, tridek-a... cent-a, du-cent-a, tricent-a... mil-a, dumil-a, trimil-a... k.t.p.

La vicmontra signifo koncernas aŭ la spacon (unua vico en salono) aŭ la tempon (unua venis, unua prenis[z]) ĉu la nombradon (ŝuldo estas unua heredanto[z]) ĉu la valoron (ludi la unuan rolon).

Kiel adjektivo la vicmontra numeralo alprenas la pluralan kaj la akuzativan signojn : la tri unuaj ŝtupoj el ŝtono – nur la trian ĉapitron vi legu.

El la Fundamento § 12

- Januaro estas la unua monato de la jaro, Aprilo estas la kvara, Novembro estas la dek-unua, Decembro estas la dek-dua.
- La dudeka (tago) de Februaro estas la kvindek-unua tago de la jaro.
- La sepan tagon de la semajno Dio elektis, ke ĝi estu pli sankta, ol la ses unuaj tagoj.
- Kion Dio kreis en la sesa tago?
- Kiun daton ni havas hodiaŭ?
- Hodiaŭ estas la dudek-sepa (tago) de Marto.
- Georgo Vaŝington estis naskita la dudek-duan de Februaro de la jaro mil sepcent tridek-dua.

La vicmontra numeralo en adverba formo finiĝas per la vokalo -e.

El la Fundamento § 14

Unue mi redonas al vi la monon, kiun vi pruntis al mi; due mi dankas vin por la prunto; trie mi petas vin ankaŭ poste prunti al mi, kiam mi bezonos monon.

El proverboj

- Kiu venis unue, muelas pli frue.
- Sen speso unua ne ekzistas la dua.
- Du militas, tria profitas.
- Kvina rado ĉe veturado.
- Saltadi el unua al deka.
- Unua paŝo iron direktas.

APLIKO

La vicmontraj numeraloj servas por indiki paĝon, ĉapitron, iun ajn vicon kaj interalie la horon, la daton, kaj la aĝon.

HORO – Kioma horo estas? Estas la deka kaj dek kvin minutoj.
Je kioma horo vi foriros? Akurate je la dek-dua.

DATO – Kioman tagon ni havas hodiaŭ? Hodiaŭ estas la 20-a de aprilo.
Kiun tagon ni havas hodiaŭ? Hadiaŭ estas dimanĉo.

AĜO – Kian aĝon vi havas? Mi havas 62 jarojn.
Kia estas via aĝo? Mi estas 30-jara.
Kiomjara vi estas? Mi estas en mia 40-a jaro.
Kiom ŝi aĝas? Ŝi havas la aĝon de ĉirkaŭ 20 jaroj.
Li estas pli aĝa ol ŝi je tri jaroj.

*J. T.*

---

# GRAVAJ STAMPAĴOJ

- Ĉu vi komencis komercaĉi,' tuj kiam vi alvenis Afrikon?

- Nu ne, ne tuj ... Kiam oni alvenas je la unua fojo en ĉi tiujn Afrikajn landojn, oni ankoraŭ ne konas la kutimojn kaj oni estas tro timema. Tamen mi nun scias, ke eblis komercaĉi jam en Maroko. Sed mi emis esti tre prudenta, ĉar kiam mi alvenis en Ceŭton, en tiun malgrandan hispanan enklavon[2], kaj mi volis traveturi la Hispania-Marokan landlimon, oni rifuzis al mi la enir-permeson.

-Kial?

-Ĝis nun mi ne scias. Sur mia pasporto jam estis la enir-permesa stampaĵo, sed iu manskribe nuligis ĝin. Mi iris postuli klarigojn en la oficejon de la ĉefo. Li diris, ke li ne scias, kiu nuligis mian enir-permeson, nek kial, kaj li simple metis novan enir-permesan stampaĵon tuj apud la nuligitan. Mi opinias, ke la multaj stampaĵoj en mia pasporto, kiuj

atestas, ke mi vojaĝadis en multaj landoj, eĉ komunismaj, instigis iun policistaĉon al malfido, kaj li esperis, ke se ĉio ne estas en ordo ĉe mi, mi ne kuraĝos rekomenci la formalaĵojn[3].

-Ĉu ili rajtas tiel agadi?

-Teorie ne, fakte en subevoluintaj landoj policistoj, militistoj kaperas ĉiujn rajtojn. Mia vera vojaĝo komenciĝis tie, ĉar tie oni ektroviĝas en Afrika lando, kie la leĝoj ne aspektas samaj kiel en demokratiaj landoj Eŭropaj. La ŝajna ordo de Afrikaj landoj apogas sin sur la forto de militistoj, kiuj havas siajn proprajn zorgojn. Ekzemple ili ne permesas la eniron de veturiloj, kiujn oni povus transformi laŭ militistaj celoj, ĉar ili tro timas, ke oni revendus tiajn aŭtojn al ribeluloj Saharanaj.[4]

Edgar



Fruktovendisto en Tamanrasset (Alĝerio)

*1 - **komercaĉi** : vendi kaj aĉeti senpermese diversajn varojn, inter privatuloj, por pluvivi dank'al la eltirita profiteto.*

*2 - **enklavo** : parto de ŝtato, provinco, komunumo, eĉ bieno ĉirkaŭita de fremda teritorio.*

*3 - **formalaĵoj** : pli-malpli senutilaj buroaj manieroj, laŭ kiuj oni devigas agadi homojn, nome ĉe landlimoj, por humiligi kaj timigi ilin.*

*4 - **ribeluloj Saharanaj** : post la malkoloniigo de la Hispania Saharo, disdonita inter Maŭritanio kaj Maroko, loĝantoj de ĉi tiu teritorio, subtenataj de Alĝerio, klopodadas perforte aŭtonomiĝi. Ili nomas sin „sahraŭi-oj".*

# NI PAROLU PRI ...

## VIANDOJ EL PORKO




Iam antaŭe oni altetaksis la porkan viandon ĉar ĝi entenis multe da **graso.** La porko-grason oni preparis fandante la **lardon,** la gras-tavolon, kiu vestas la tutan korpon de la bona besto. En la kaldrono restis la **ŝrumpaĵoj,** kiujn oni povis tuj manĝi kun pano kaj salo, aŭ aldoni haketitajn, al salitaj bakaĵoj. Nuntempe oni ofte preferas la malgrasajn viandojn de la porko, la **ŝinkon,** la **fileon** kaj la **ripaĵojn.** La **kolbason** oni preparas muelante la porkan viandon kaj miksante ĝin kun papriko, salo kaj spicoj, kaj poste enpremante ĝin en la purigitajn maldikajn intestojn. La **fritita piedaĵo** estas specialaĵo preparita pere de fritado de **piedaĵo** envolvita per paneroj. La premita **kapaĵo** estas **karnokuiraĵo,** kiun oni kutime manĝas malvarman, kun pano, samkiel la **fumaĵitan** aŭ la **salitan lardon,** aŭ la **fumaĵitan kolbason.** La porkaĵojn oni povas rosti, baki, aŭ kuiri en spicitaj saŭcoj. Oni eĉ ne povas imagi famajn kuirartojn, nome la ĉinan kaj la hungaran, sen la kontribuado, eble ne libervola, de la porko, la bona besto, kies ĉiuj eroj estas utilaj.

### ŜAKPROBLEMO „ŜPB-4" DE PASKALO

Situacio de la blankularo : reĝo=A-6, kuriero=A-1, ĉevaloj=B5/D5, peonoj : A2/B3/C2/D3/E2. Situacio de la nigrularo : reĝo=B8, peonoj : A3/B4/C3/D4/-E3. La blankuloj ekludas kaj matigas post sep paŝoj. La tri unuaj solvintoj ricevos premiojn se ilia solvo alvenos antaŭ 15JUN86.

